Fenikso

**Forumo de Esperanto Nederland**

www.esperanto-nederland.nl

**Dumonata membrogazeto de Esperanto-Nederland**
ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,--); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--); *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EŬR 17,50.
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio**: <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburgweg 435 - 2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914 - <gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike**: Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme
Albert-I-straat 44 - BE 1703 Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro**: Eriko, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado**: Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**

*Prezidanto:* Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk; tel. 0251-23 10 79 <moerbeekr@gmail.com>

*Sekretario:* PROVIZORE Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH Wijchen. <info@esperanto-info.nl>

*Membro-Administranto*: Remment Balk, Egeïsche-straat 42, 8303 EN Emmeloord. tel.: 0527-23 93 78; <membroj@esperanto-nederland.nl>

*Kasisto*: s-ino Loes Demmendaal, Duikerlaan 160, 2903 AC Capelle aan den IJssel l.a.demmendaal@planet.nl <kasisto@esperanto-nederland.nl

*Bankkonto*: IBAN : NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de ESPERANTO NEDERLAND, Capelle aan den IJssel; UEA-konto: esne-h.

*Instruado:* Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk; tel. 0251-23 10 79 <moerbeekr@gmail.com>

*Ĝemelaj Urboj:* Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH Wijchen; tel. 024-645 51 33 / 0622-60 33 79 <pieter.engwirda@gmail.com>

*Informado/informmaterialo*: Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen; tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Studie-weekeinde*:
<studosemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen

## ENHAVO



## Datolimo

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de majo 2017. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## Ĉe le kovrilo

Ineke Emmelkamp sendis grupan portreton pri la Studsemajnfino en Stevensbeek, marton 2017

## De via redaktoro

**Mi devas ĉi-foje komenci per pardonpeto:** en la rubriko "**de via redaktoro**" mi uzis eraran antaŭnomon por s-ro Burg. Bedaŭrinde dum mia tuta vivo min tre ĝenas, ke ofte mi aŭ forgesas aŭ misuzas nomojn: devas esti Edwin Burg, kompreneble. Ĉi-numere aperos pri li pli bela foto, kiun ni ricevis de s-ro Vincent Brongers.

Alia misaĵo, pri kiu mi pardonpetas, estas, ke ĉe la "**Invitoj**" n-ro 2 nur esti eble legi iun tro longan **https-adreson**, el kiu supozeble neniu povis dedukti, pri kiu invito efektive temis. Mi ĵus entajpis la tutan serion da ĉifraĵoj, sed ĝi nenion – plu – liveris: mi do supozas, ke estis nur iu portempa ligilo al evento, kiu intertempe fariĝis historiaĵo, do ne plu eblas retrovi ĝin.

Lige al ĉi tiuj eraroj miaj, mi volas atentigi vin, ke **mi ŝatus foje transdoni la stafeton al posteulo**: alivorte, **en la fino de ĉi tiu jaro 2017 mi intencas ĉesigi tiun ĉi mian laboron kiel redaktoro de FENIKSO** kaj transdoni la taskon al iu alia. Kandidatoj varme bonvenas ĉe mi aŭ ĉe la estraro de ESPERANTO NEDERLAND.

Sed por konsoli vin, la nuna numero estos ekstre dika.

Gerrit Berveling





**I] ESPERANTO NEDERLAND**

**Jarraporto 2016**

**1.1 Banko/kapitalo**
Esperanto Nederland havis malprofiton en 2016 de € 11.541. La ĉefa kialo estas nia kontribuo por la Amsterdama Katedro. La propra kapitalo de la asocio estis je la 31a de decembro 2016: € 122.363
La malprofito estas 8,6% de la propra kapitalo en la 31a de decembro 2015. La detala raporto pri la buĝeto, aperas aparte.

**1.2 Faulhaber-celoj**
Kvankam la Faulhaber-fonduso ne plu estas administrata aparte, la asocio daŭre subtenas la celojn de la fonduso. Dum la jaro 2016 ne okazis eventoj subvenciendaj en ĉi tiu kadro.

**1.3 Mabesoone-celoj**
Kvankam la Mabesoone-fonduso ne plu estas administrata aparte, la asocio daŭre subtenas la celojn de la fonduso. En ĉi tiu kadro la asocio finance kontribuis al la kunvenoj de La Amsterdama Rondo, kie la lingvo estis efike kultivata per prelegoj, studoj kaj priparolado de diversaj temoj.

**2.1 Estraro**
En la estraro estas: Rob Moerbeek (demisios -kiel prezidanto- en 2017), Loes Demmendaal (demisios en 2019), Pieter Engwirda (demisios -kiel membro- en 2019 kaj kiel sekretario en 2017), Said Baluĉi (demisios en 2019), Andries Hovinga (demisios en 2019).
La estraro kunvenis sesfoje en Utrecht. Madzy van der Kooij, Arjen-Sjoerd de Vries kaj Rudi Koot multe asistis la estraron. Inter la estrarkunsidoj abundas la reta trafiko. Ralph Schmeits ne deziras eniri la estraron sed akceptis esti rajtigito ĉe banko.

**2.2 Membroj, subtenantoj, eksterlandaj abonoj, "Vrienden van Esperanto Nederland":**
Remment Balk prizorgas la administradon de la membroj kaj 'vrienden'. Li sendas bonvenigan leteron al novaj membroj kaj amikoj. Li prizorgas la etikedojn por la forsendado de Fenikso, kaj li informas la redakcion de Fenikso pri ŝanĝoj en la membraro. Nomoj de novaj membroj, novaj ret-



adresoj kaj forpasoj aperas en Fenikso. Membroj povas peti la publikan liston de Remment Balk.

**Membroj de Esperanto Nederland 2016**

| | | |
|---|---|---|
| Nombro de membroj je 1-1-2016 | | 235 |
| Novaj membroj | | 7 |
| Sumo | 242 | |
| Malaliĝoj | 8 | |
| Forpasintoj | 6 | |
| Sumo | 14 | |
| **Nombro de membroj je 31-12-2016** | | **228** |
| Membroj ordinaraj | | 206 |
| Membroj samhejmanoj | | 22 |
| **Aĝo** | | |
| Ĝis inkl. 29 jaroj | | 2 |
| 30 ĝis inkl. 69 jaroj | | 99 |
| Ekde 70 jaroj | | 124 |
| Sen indiko | | 3 |
| | | |
| **Vrienden Esperanto Nederland 2016** | | |
| Ne ŝanĝoj (11 amikoj) | | |

**2.3 Membro-kunveno**
La 25-a jubilea ĝenerala kunveno okazis la 28-an de majo 2016 en Utrecht.

**2.4 Arkivo** *Respondecas pri la kontakto: Ans Bakker-ten Hagen*
IISG (Internationaal Instituut voor Sociale Geschiedenis) estas la Instituto kiu prizorgas la arkivojn kiujn ni prezentas tie. En la raportjaro ni povis aldoni novajn valoraĵojn.
Pro kunlaboro kun la Biblioteko Hector Hodler (en la Centra Oficejo de UEA) kelkfoje ni sukcesis kompletigi jarkolektojn de la unuaj eldonoj en Nederlando de Esperanto-gazetoj. El heredaĵoj kaj - denove - pro kunlaboro kun BHH al nia arkivo foje aldoniĝis interesaj eldonoj.
Samtempe el la heredaĵoj ni ankaŭ provizas BHH. Ĉiam indas atentigi la Asocion Esperanto Nederland pri

esperantaĵoj kiujn oni emas forĵeti, ne konsciante pri eventuala historia valoro.

**2.5 Esperanto publike**
Gerrit Berveling ricevis informojn pri publika atento de amaskomunikiloj pri Esperanto.
Li raportas en Fenikso kaj disponigas la materialon al la ĵurio pri la Verloren van Themaat-premio.

**3.1 Kaskontrolo**
La kaskontrolon en 2016 plenumis Bert de Wit kaj Gerrit Berveling.

**3.2 Arbitracio**
La komisiono ne bezonis arbitracii.
La komisiono havas tri anojn: Marc van Oostendorp (2014-2017), Anneke Schouten-Buijs (2016-2019), Johan Swenker (2014-2017).

**3.3 Verloren van Themaat-premio** *Raportas Loes Demmendaal:*
La ĵurio, konsistanta el Loes Demmendaal kaj Piet Buijnsters aljuĝis la premion kaj honoron al Bert de Wit kaj Miko Kuijn. La estraro elektis kiel la trian ĵurianon Andries Hovinga.

**4.1 Informado** *Raportas Ineke Emmelkamp:*
En 2016 mi daŭrigis mian laboron por trakti informpetojn, kiuj plej ofte venis per la reto. Mi forsendis 102 kovertojn kun informmaterialo (en 2015: 100). Kelkaj homoj intencis partopreni en studsemajnfino. Aliaj interesiĝis pri la libreto Erik aŭ la malgranda insektlibro. Al ili mi sendis informmaterialon. Al membroj mi plurfoje sendis informmaterialon, kiun ili deziras uzi dum informado. Mi mendis novan stokon de la libreto ‘Sleuteltje’. Kun plenplena kofro de informmaterialo mi iris al la Drongo-festivalo en Utrecht. Tie la materialo estas disdonitaj en grandaj kvantoj. Ankaŭ alvenis aliaj petoj: Traduki frazon en Esperanto ‘Tel je zegeningen’, ĉar la petanto deziras uzi ĝin por tatuo kun tiu teksto. Ne-esperantisto deziras scii, ĉu ekzistas ankoraŭ ekzemplero de la libro ‘Sinjoro Longkrurulo’, de lia praparenco Dreves Uitterdijk. Mi helpis lin mendi ĝin ĉe UEA. Same mi faris por alia persono, kiu deziris ricevi la libron ‘Jaĉjo Holm kaj liaj amikoj’. Pluraj homoj sciigis min, ke ili heredis malnovajn Esperanto-librojn, kiujn ili mem ne deziras konservi. Mi provis solvi tiujn demandojn, sed plej ofte mi sendas tiujn petojn al la estraro. La heredaĵo de sinjorino Tekla Flint estas transdonita al UEA. Parenco konservis la materialon post ŝia morto en 1944. Tekla Flint estis direktorino de la instituto Isosek, kiu eldonis Internacian Superan Skriban Esperanto-kurson. La centra oficejo estis en Heerlen kun pluraj naciaj oficejoj en diversaj landoj. Ŝi ankaŭ tradukis libron de Ina Boudier-Bakker.
**Drongo-festivalo** *Raportas Bert de Wit*
Ĝi okazis de la 30a de septembro ĝis la 1a de oktobro 2016 en Utreĥto.
Dum la festivalo oni faris la demonstradon de la apo fare de Piet Buijnsters. Federico Gobbo faris prezentadon pri kiu Gijs Velsink faris filmon. Federico Gobbo kaj Bert de Wit partoprenis en “netwerkbijeenkomst” (retuma kunveno) kiu fakte estis parte prezento pri la nacia scienca “agendo” (kompilaĵo de esplortemoj kiuj fontas el konsultadoj kun diversaj sociaj grupoj kaj sciencistoj) kaj parte sinprezento de bezonoj kiujn difinitaj personoj esprimis kaj al kiuj aliaj personoj povis reagi proponante siajn servojn.
Sufiĉe da geesperantistoj venis al la festivalo, malnovaj kaj novaj, junaj kaj maljunaj.

**4.2 Instruado**
**4.2.1** Kunordiganto Rob Moerbeek estas.
**4.2.2 & 4.2.3 Katedro Interlingvistiko kaj Esperanto**
Prof. D-ro. Federico Gobbo komencis sian laboron en februaro 2014.
Universala Esperanto-Asocio (UEA) havas la respondecon de ĉi tiu katedro. Esperanto Nederland plue finance garantias kaj subtenas la katedron. Li estis unu el la instruistoj dum la studosemajnfino Schoonloo (marto 2016). Li regule publikigas siajn spertojn en novaĵleteroj. Tiuj novaĵleteroj estas troveblaj en la retejo de Esperanto Nederland. Por havi pli da detaloj bonvolu turni vin al Federico.
**4.2.4. Studosemajnfinoj** *Raportas Ineke Emmelkamp*:
Okazis du studsemajnfinoj en 2016: La unua okazis en la NIVON-ejo Den Broam en Buurse la 4an, 5an, kaj 6an de marto 2016 kaj la dua en De Strubben en Schoonloo (2a, 3a kaj 4a de septembro 2016). Le teamo Arjen-Sjoerd de Vries, Lilian van der Burgt kaj Ineke Emmelkamp estis la organizantoj. Loes Demmendaal asistis en la kuirejo. En ambaŭ renkontiĝoj aliĝis novaj partoprenantoj,
En Buurse partoprenis 24 homoj. Ne nur el Nederlando, sed ankaŭ el Irlando, Germanio kaj Flandrio. La instruistoj estis: Bert de Wit, Arjen-Sjoerd de Vries, Roel Haveman, Rob Moerbeek, Simon Smits.
En Schoonloo partoprenis 20 homoj, el kiuj pluraj neniam antaŭe venis.
La instruistoj estis: Roel Haveman, Arjen-Sjoerd de Vries, Federico Gobbo, Katalin Kováts, Simon Smits kaj Wil van Ganswijk. Vendredvespere Katalin Kováts donis informojn pri sia projekto ‘Ekparolu’. Dimanĉposttagmeze ne okazis la promenado, la arbaro estis tro malseka. Ni montris filmon pri la Esperanto-urbo Herzberg.



Fine de 2016 ni povis anonci ke la unua studsemajnfino en 2017 okazos la 3an, 4an kaj 5an de marto 2017 en Stevensbeek.

**4.3 Utiligado**
**4.3.1** Daŭre mankas kunordiganto
**4.3.2** (vidu 1.2)
**4.3.3 Biblioteko** *Kontaktpersono: Ans Bakker-ten Hagen*
Jam de jardekoj Esperanto havas sian lokon en la Biblioteko de la Universitato de Amsterdam. La Esperanto-biblioteko estas posedaĵo de la asocio Esperanto Nederland. Ĝin konservas kaj disponigas la Universitato. (Sekcio Bijzondere Collecties) Ĉiu perkomputile povas konsulti la enhavon de la biblioteko.
En la raportjaro al nia biblioteko ni ne aldonis novajn librojn. Ni ja povis disponigi plurajn ekzemplerojn de malnovaj titoloj al UEA.
Tiuj libroj venas ĉe ni el heredaĵoj. Ili ne taŭgas por akcepto en la biblioteko de nia Asocio. Ili ja helpis al la Libro-Servo de UEA, kie plurfoje venas peto pri ne plu livereblaj libroj.
Ĝojiga afero estas ke el tiuj stokoj kiuj atingas min, foje mi povis donaci verkojn kiuj ne troviĝis en la Biblioteko Hector Hodler. Tio kontentigas min kaj pro tiaj raraj okazintaĵoj, volonte mi daŭrigas tiun laboron.
**4.3.4 Ĝemelaj urboj** *Raportas Pieter Engwirda*:
Estas nenio nova por raporti.

**4.4 Fenikso** *Raportas Gerrit Berveling*:
De *FENIKSO* en 2016 aperis kiel kutime ses numeroj. Kutime ili estis 12-paĝaj sed la numero majo-junio estis 16-paĝa pro la ampleksa raportado i.a. pri la renovigo de la Teksela monumento.

**4.5 Interreto**
**4.5.1 Retejo** *Raportas Koos Scharroo kaj Frans Schild* :
La nombro de vizitantoj de nia retejo ne multe ŝanĝiĝis rilate la antaŭan jaron.
Pli okulfrapajn lokojn en la reteja ĉefpaĝo ekhavis Facebook kaj Twitter.
Al la paĝo pri aperintaj numeroj de la revuo Fenikso, kiu ekaperis en 2015, ne okazis iu ajn agado plu.
**4.5.2 Sociaj komunikiloj**
La sociaj komunikiloj de Esperanto Nederland konsistas el fejsbuka paĝo kaj tvitero.
- Facebook account:
http://www.facebook.com/esperanto.nederland
- Twitteraccount: https://twitter.com/EsperantoNL
- Retpoŝt-adreso por kontakti la soci-komunikestrojn, Ineke Emmelkamp, Andries Hovinga kaj Joost Franssen: sociaj-komunikiloj@esperanto-nederland.nl

**5.1 Komitatano A por Nederlando ĉe UEA** *Raportas Loes Demmendaal*:
Kiel komitatano A, reprezentante Esperanto Nederland, Loes Demmendaal ĉeestis 3 komitatkunsidojn kaj 4 komitatajn forumojn (pri konsciigo, kapabligo, komunumo kaj kunordigo). Aparte viglaj estis la diskutoj pri la antaŭvidita statutŝanĝo de UEA. Por ŝangi la statuton de UEA ĉiuj membroj, kaj individuaj kaj aligitaj, rajtas voĉdoni pri tio. Tio okazas per skriba ĝenerala voĉdono. Individuaj membroj de UEA rekte voĉdonis. Niaj aligitaj membroj (117 personoj) ricevis voĉdonilon pere de Esperanto Nederland. Respondis 9 membroj, kiuj aprobis ĉiujn proponojn. Dum la sabata komitatkunsido okazis la elekto de nova UEA-estraro por la periodo 2016-2019. Mark Fettes reelektiĝis kiel prezidanto, same Martin Schäffer (sekretario), Stefan MacGill (vicprezidanto) kaj Lee Jungkee, novaj estraranoj estas Sara Spanò kaj Emilio Cid. En la forumo pri Konsciigo oni larĝe parolis pri la neceso plibonigi la retejan prezentadon de UEA kaj Esperanto. I.a. per evoluigo de Esperanto.net kaj UEA.org. Oni priparolis ankaŭ la pretigon de unustilaj informiloj por traduko en multajn lingvojn kaj la kreon de datumbazo kun diversspecaj inform- kaj varbmaterialoj. La forumo pri kapabligo priparolis la neceson trovi novajn kaj efikajn manierojn varbi retajn lernantojn de Esperanto por partopreno en la organizita movado. Kunlabori kun ILEI por plivastigi la bazon de trejnitaj instruistoj kaj ekzamenantoj, kursoj, seminarioj ktp. Pluevoluigi la Seminariojn por Aktivula Maturigo. En la forumo pri komunumo oni refoje parolis pri la neceso evoluigi la retajn servojn de UEA. Sed ankaŭ pri eldonado de elektronikaj libroj kaj aliaj produktoj por komputiloj, poŝtelefonoj k.s.
La kunsido pri kunordigo rekomendis fortigi la oficejojn. Plivastigi la financan bazon kaj enkonduki novajn organizajn metodojn por faciligi la kunlaboron de la aktivuloj.

**5.2 Eŭropa Esperanto-Unio (EEU)** *Raportas Ineke Emmelkamp*:
Mi ĉeestis la kunvenojn de EEU, kiuj okazis dum la Universala Kongreso en Nitra. Multaj planoj estas. Mi ricevas la informilojn, kiujn mi transsendas al la estraro.

**5.3 Komerca Ĉambro**
Nia asocio estas oficiale registrita ĉe la Komerca Ĉambro en Amsterdamo. La registriĝo estas senpaga.

**6 Fakaj sekcioj**
**6.1 Kristana Unuiĝo de Nederlandaj Esperantistoj (KUNE)** *raportas Els van Dijk*:
En la jaro 2016 KUNE ne estis aktiva. La membraro

malkreskas kaj la kasistino kaj mi cerbumis pri malfondo de KUNE. Mi informpetis ĉe la ING-banko kiel agi, ĉar ni ne uzas la interreton.

**6.2 Nederlanda Grupo de Geinstruistoj pri Esperanto (NGGE)** *Raportas Simon Smits*:
En 2016 NGGE havis 17 membrojn, inter kiuj 3 honorajn membrojn: du el ili estas honoraj membroj de ILEI kaj NGGE, unu estas honora membro de ILEI. En 2016 malaliĝis 3 membroj. Kvar membroj ricevas IPR perrete. Nia organo "NGGE SCIIGAS" regule aperis en februaro, junio kaj oktobro. Senpage ni sendis en 2016 nian organon "NGGE SCIIGAS" (papere) al la biblioteko de UEA, al la profesoro de la katedro Interlingvistiko kaj Esperanto prof. D-ro F.Gobbo, al la redaktoro de IPR, al la prezindanto de ILEI (Mireille Grosjean), al la Esperanto Muzeo en Vieno kaj la Kuba ILEI-sekcio. Senpage ni rete sendis nian organon al Esperanto Nederland kaj al la redakcio de Fenikso. La estraro konsistis el Rob Moerbeek (prezidanto), Simon Smits (protokolanto, prizorganto de la organo). Sekretaria kaj kasista funkcioj vakas. Nia prezidanto ĉeestis kiel nia sola komitatano la ILEI-Konferencon en Nyíregyháza, Hungario. La membrokunveno okazis la 26-an de marto 2016. Alvenis por la kunveno krom la prezidanto kaj la sekretario 1 membro (Julija Batrakova). Nia Studotago 2016 okazis la 15-an de novembro, en la oficejo de UEA en Rotterdam.
Rob Moerbeek pritraktis la poemon "Festeno" de Raymond Schwartz. Ankaŭ lingvaj demandoj estis pritraktitaj.

**6.3 Regionaj sekcioj**
**Sekcio Alkmaar** *Raportas Marijke Lathouwers*:
La estraro konsistas el: Tiny Droge, prezidanto, demisios 2017; Margot Koopmans,vic-prezidanto; Marijke Lathouwers, sekretario, demisios 2018. John Droge, kasisto, demisios 2019; Johan v.d.Hoek, demisios en 2018. La estraro kunvenis 7 fojojn. La klubo kunvenis entute 10 fojojn. Meznombra partopreno: 12,5 personoj. (antaŭa jaro 14,3). Ne okazis kursoj. Joop organizis 3-foje konversacian rondon. La averaĝa nombro de la partoprenantoj estis 6. Okazis specialaj kunvenoj: komuna manĝado, vizito de la Esperanto-monumento en Den Burg, Tekselo kaj sponsora biciklado. La 65-jara jubilea festo de nia klubo okazis la 10-an de decembro. Ni organizis ekspozicion kaj invitis multajn homojn, esperantistojn el la tuta lando, kaj ne-esperantistojn el Alkmaro kaj ĉirkaŭaĵo. La kvanto de vizitantoj; 50 personoj. La ĥoro Malvo provkantadis 17 fojojn kaj prezentadis 2 fojojn. La ĥoro konsistas fine de la jaro el 13 membroj, inkluzive la dirigentinon Marijke Lathouwers. La kluba bulteno Fromaĝoklоŝo aperis 4 fojojn, prizorgite de Ad Peeraer. Dum la jubilea festo ni disdonis multajn broŝurojn, kaj faris la t.n."lavaĵo-ŝnuran" kurson. Tiu kurso altiris kelkajn novajn lernantojn, kaj verŝajne ni havos 7 novajn komencantojn!
Ni ricevis inviton el Troyes, la ĝemelurbo de Alkmaar en Francio, por renkontiĝo dum la ĉielirtaga semajnfino en 2017. Jam en decembro 2015 atingis nin la peto de sinjoro Mana Brinson el Kiliba, urbo en Demokratia Respubliko Kongolando, por kontakto inter la Esperanto-klubo KAE (Klubo Amikoj de Esperanto) en Kiliba, kaj nia klubo. En januaro ni decidis respondi: jes. Post kelkaj monatoj, la kontakto restis nur inter la prezidanto Mana, kaj la sekretariino Marijke. La nombro de la membroj: je la 31-a de decembro; 26.
**Sekcio Eindhoven** *Raportas Jeannette Bosse-Sibbel*:
Je la fino de 2016 la nombro de niaj membroj estis 14. Meznombro de 10 vizitis niajn Klubvesperojn. La Klubo kunvenis 13 fojojn, el kiuj 2 fojojn dum ekskursoj de TRE-EGE (Translima Renkontiĝo Esperantista de la Esperanto-Grupo Essen). Printempe la germana grupo organizis ekskurson al la kultura kaj urba muzeo de Duisburg. En septembro An kaj Ralph organizis kadre de TRE-EGE ekskurson al ĉevalmelkejo. En majo An prelegis en la biblioteko de Veghel pri Esperanto kaj ĉeestis 25 personoj. Dum aliaj klubvesperoj ĉiu membro laŭvice gvidis la programon: ni ludis skrablon, membro rakontis pri la vivo en kibuco, iu eksplikis la "numerajn sistemojn", ni legis kaj parolis pri la libroj "El La Verda Biblio" kaj "Faktoj kaj Fantazioj"; iu paroligis nin pri "la bonaj malnovaj tagoj"; ni faris la ĝustajn proverbojn el intermiksita listo de proverboj kaj parolis pri la Vortaro de Andreo Cseh; ĉiu rakontis pri sia feria periodo kaj ni spektis bildojn pri la UK en Nitra, iu membro prezentis kartludojn, en decembro ĉiuj kontribuis al la Zamenhof-kunveno.
**Sekcio Haarlem** *Raportas Corrie Kwantes*:
En la fino de 2015 sekcio Haarlem havis 12 membrojn kaj 4 donacantojn. Bedaŭrinde ni perdis unu membron: Luc van den Hoek, kiu forpasis la 28-an de aŭgusto. Entute ni kunvenis 16 fojojn. La 25-an de februaro okazis la jarkunveno. Dum la kunvenoj la membroj parolis pri diversaj aferoj, i.a. pri la SAT-Kongreso en Hercberg, Germanio, kaj/aŭ la Universala Kongreso de Esperanto en Nitra, Slovakio. Dum kursofoiro en la Harlema biblioteko fine de aŭgusto, Bert organizis informstandon de Esperanto Nederland. Krom Bert deĵoris Mariëlle kaj Jeroen kaj Wanda kaj Harry en la stando. Ili estas lernantoj kiuj finis la kurson por komencantoj kaj daŭrigas nun per kurso por progresantoj. El la informlaboro en la biblioteko kaj per anoncoj en lokaj semajnaj gazetoj rezultis 4 novaj lernantoj kiuj nun sekvas la rektmetodan kurson. En aŭgusto 2017 ni verŝajne denove havos standon en la biblioteko. Estis kontaktoj kun Welzijn Bloemendaal pri prelego pri Esperanto en la venonta tempo. Rob Moerbeek kaj Bert de Wit instruis dum semajnfina kurso kaj en majo Bert prelegis en Caen laŭ invito de la loka Esperanto-grupo dum la Eŭropa Festo kiun organizis la urbestraro de tiu urbo. La sekretariino de la sekcio, Corrie Kwantes, decidis pro sia sanstato eksiĝi kiel sekretariino komence de 2017. La sekcio dankas ŝin pro la multjara aktivado.



**Sekcio Helmond** *Raportas Twan Gremmen* :
La Helmonda sekcio en 2016 ne memstare agadis, sed kunlaboris kun Esperanto-Klubo Eindhoven. En junio la Helmonda sekcio partoprenis ekskurson de la Esperanto-Grupo Essen en Duisburg, kaj en septembro tagon por la Esperantistoj el Essen en Sint Oedenrode.
**Eo-klubo Zamenhof, Nijmegen** *Raportas Piet Buijnsters*:
En 2016 nia klubo havis 14 membrojn kaj 4 donacantojn. Prezidanto: Jan Bemelmans, kasisto: Theo Peters, sekretario: Piet Buijnsters. Meznombre 9 personoj partoprenis la 9 kunvenojn, ĉiuj en la Komunuma Centro de la kvartalo Hatert. Krom membroj ankaŭ kelkaj aliaj personoj okaze ĉeestis la kunvenojn. Grandaj malĝojoj kaj perdoj estis la morto de longatempa membrino Laurina Pourier kaj longatempa membro kaj eksprezidanto Hein Wernik. Ilin ambaŭ ni povis adiaŭi je tre digna kaj impona maniero.
Dum la klubkunvenoj: ni diskutis pri radioprogramo kun la temo: "Esperanto malsukcesis" kaj pri kritika artikolo pri Esperanto en Trouw, ni tradukis t.n. "kahelsaĝaĵojn" kaj kolekton da poemoj de Hein Wernik, ni pririgardis YouTube-filmetojn en aŭ pri Esperanto. La gasto Miko Sloper rakontis pri Usono. En alia kunveno ni faris t.n. vivan gazeton: ĉiu rakontis interesan ĵurnal- aŭ gazetartikolon. Dum la Zamenhof-vespero ni parolis pri Esperanto kiel t.n. danĝera lingvo, ni kune kantis kaj en la 'rano' estis € 105,45 por Zienderogen, la fonduso por i.a. afrikaj blinduloj kaj malbonvidantoj, fondita de la esperantisto Jacques Tuinder. Ankaŭ ekzercoj pri la gramatiko kaj ludoj per la lingvo Esperanto okazis. Regule aperis Nia Bulteno kiun finredaktas Jan Bemelmans. En klubkunvenoj ni priparolis aŭ tradukis artikolojn el ĝi. Kelkajn artikolojn ankaŭ verkis geklubanoj. En Septembro la Esperantoklubo Eindhoven invitis nian klubon por partopreni ilian ekskurson al Sint Oedenrode. Kelkaj klubanoj partoprenis tiun interesan ekskurson al ĉevalmelkejo kun tre abunda pikniko. Dum la internacia Luminesk-kunveno en Kleve ĉ. 30 partoprenantoj vizitis Nimegon. Nia klubo akceptis kaj ĉiĉeronis ilin.
Koran dankon al ĉiuj kiuj en 2016 partoprenis kaj/aŭ kontribuis al nia klubo.
**Sekcio Norda Nederlando** *Raportas Nelly Kiel-Klunder*:
La sekcio Noord-Nederland entenas la sekciojn Groningen, Drenthe kaj Frisa Esperantista Rondo. Fine de 2016 la sekcio havis 33 membrojn kaj 13 abonantojn/donacantojn. Okazis 16 kunvenoj, kun meznombre 7 partoprenantoj, kaj 2 somerkunvenoj. Okazis ankaŭ jarkunveno kaj malferma vespero. Membroj vizitis la Malfermajn Tagojn de UEA kaj eksterlandajn kunvenojn. Daŭre estis Esperanto-kursoj per interreto (Wil van Ganswijk kaj Koos Scharroo) kaj estis ankaŭ buŝaj Esperanto-kursoj (Wil van Ganswijk). Propra revueto La verda stelo aperis unufoje. Informado al la publiko okazis pere de budo dum liberiĝfestivalo kaj malferma vespero. Gonda prizorgis la gratulservon.
**La Amsterdama Rondo** *Raportas Bert de Wit*:
Ĉiun duan dimanĉon en la monato kunvenas esperantistoj el (la ĉirkaŭaĵo de) Amsterdam. Ĝi okazas en la hotelo De Koopermoolen, preskaŭ vidalvide al la Centra Stacidomo. La ciklo estas de septembro ĝis julio. En la kalendara jaro 2016 temas pri 11 kunvenoj. Ilin ĉeestis averaĝe 16 personoj. La vizitantoj venas el ĉiuj regionoj kaj kelkfoje venas eksterlandanoj. Ĝenerale ni traktas temon kiun iu prezentas. La celo de la kunvenoj estas aktive partopreni diskuton. Grandparte ni sukcesas partoprenigi ĉiujn. La temoj estas tre diversspecaj: internaciaj kongresoj, kulturoj antikvaj kaj aktualaj, agado per Esperanto, la Esperanto-literaturo, funkciado kaj laborplano de TEJO, la gramatiko ktp. Pro la fakto ke Amsterdam altiras multajn eksterlandajn vizitantojn, inter kiuj troviĝas esperantistoj, ni decidis prepari informajn broŝurojn pri vizitindaj objektoj en la ĉefurbo de la lando. Kelkaj personoj preparas tekstojn pri konataj monumentoj kaj historio. Krom tio malpli konataj, tamen interesaj lokoj estos traktataj. La intenco estas komune en kelkaj kunvenoj verki bonajn tradukojn.

**7. Diversaĵoj**
**7.1 Monumento Texel.** *Raportas Andries Hovinga*:
En februaro 2016 ĉe la Esperanto-monumento en Den Burg, Tekselo, okazis la malkovro de plaketo, kiun la komunuma estraro de Tekselo instaligis ĉe la renovigita monumento. La okazaĵo altiris proksimume 50 ĉeestantojn.

**7.2 Beneluksa kongreso**. Raportas *Ineke Emmelkamp*:
En Lier (Belgio) okazis la Beneluksa Kongreso de la 16a ĝis la 19a de septembro. El Nederlando kelkaj esperantistoj partoprenis. Al du membroj ni donis subvencion por la vojaĝo/partoprenado.

Kompilis: La estraro plus Ineke Emmelkamp

II]` **De la estraro Esperanto Nederland**
La 159a estrarkunsido de Esperanto Nederland okazis sabaton 18/3/2017 en Utreĥto.
Ĉeestis ĉiuj estraranoj; Loes Demmendaal, Pieter Engwirda, Rob Moerbeek, Said Baluĉi, Andries Hovinga,

plus Hiddo Velsink kaj Arjen-Sjoerd de Vries. Hiddo ĉeestis por kunagordi la okazontan jarkunvenon de 13/5/2017, kiun li prezidos. Arjen-Sjoerd protokolis. Oni pritraktis kaj pridecidis jene:

**Jarkunveno:**
Kiel jam anoncite en Fenikso 2017/1 kaj 2017/2, la jarkunveno okazos 13/5/2017 en De Kargadoor, Utreĥto. Por ŝpari, oni decidis ne uzi projekciilon, nek zorgi pri la lunĉo ktp.

**Agadraportoj**: Alvenis abundaj raportoj de la kluboj kaj organizaĵoj de Esperanto Nederland. Pli detale vi povos legi ilin alipaĝe en tiu ĉi numero. Andries aliĝis al la ĵurio por la premio Verloren van Themaat, ĉar mankis la tria ano.

**Tagordo:**
Loes klarigis pri financaj aferoj, interalie "Prognozo por 2018". Rilatas precipe pri la eventuala daŭrigo de la katedro. Loes informiĝos plie pri la intenco de UEA kaj alia subtenanta partnero. En antaŭa numero de Fenikso (1/2017 paĝo 4) jam aperis la tagordo, tiu estos la bazo por sekvi la ordon en la jarkunveno. Se necesos priparoli temon kiun membroj konsideros grava, eblas ordigi tion sub la punkto "diversaĵoj". Interalie: kiel indikita en la artikolo, je la punkto 7 (Elekto de prezidanto kaj sekretario de la estraro) estas jenaj proponoj:
-Estrarpropono: Said Baluĉi kandidatas kiel prezidanto dum unu jaro 2017/2018 (voĉdono)
-Estrarpropono: Pieter Engwirda kandidatas kiel sekretario dum du jaroj 2017/2018- 2018/2019 (voĉdono)
- Oni formale decidas ne plialtigi la kotizon por 2018. Tamen mondonacoj ĉiam bovenas.
- Loes disponigis la unuan version de la bilancon 2016. La estraro pristudas. La definitiva aprobo okazos post la kaskontrolo pere de la komisio kiun la membroj antaŭe elektis.
Kiu havas demandon pri la financaj aferoj aŭ volas havi version de la bilanco, tiu bonvolu turni sin al Loes: kasisto@esperanto-nederland.nl

**Posttagmeza programo:**
Malvo estas Esperanto-ĥoro, kiu apartenas al la Esperanto-klubo de Alkmaar. Jam dum 29 jaroj! En 1988 okazis la Universala Kongreso en Rotterdam, kaj la Klubo de Alkmaro organizis la postkongreson en Alkmaro. La membroj faris ĉiajn programerojn, kiel: teatraĵoj, ekskursoj, kaj kantado de memtradukitaj kantoj. Ilia repertuaro konsistas el multaj tradukitaj kantoj, sed ankaŭ kelkaj originalaj Esperanto-kantoj. La grupo ampleksas 12 gekantemulojn. Kiu povas kanti, kunkantu! Nia posttagmeza programo kun Malvo komenciĝos je la 15a horo.

**Zamenhof-festo**
Esperanto Nederland decidis festi la Zamenhof-jaron en la 28a de oktobro 2017.
Loko: *Partycentrum Floor* en *Lunteren*.
Ideoj estas: Kajto, publika leciono de Federico Gobbo, "rapidrendevuado" kun novuloj, prezento de nederlandlingvaj tradukoj de poezio de Zamenhof (Gerrit). Bufeda vespermanĝo aparte mendebla, ktp. Eksteruloj estos bonvenaj kontraŭ eta kotizo. La detalojn ni poste sciigos.

**Drongo-festivalo**
Bert de Wit aligis nin, la pago jam estas farita. Tio okazos 29-30/9/2017 en Jaarbeurs Utreĥto.

**Eksiĝo de Remment Balk** kiel membro-administranto. Ni kore aprezas liajn servojn. Ni serĉas membron kiu pretas preni la respondecon. Se vi volas, bonvolu turni vin al la sekretario: sekretario@esperanto-nederland.nl

**Fenikso**
Nur du membroj indikis ke sufiĉas por ili reta revuo, do ni rezignu pri tiu ideo.
Cetere: ŝajnas ke la retejo enhavas diversajn malaktualaĵojn. Andries trarigardos la tutan paĝaron por kontroli kio ĝisdatigendas.
La kostoj por *Fenikso* jam plimalaltiĝis. Ineke proponis ekuzi pli malgrandan formaton. Ankaŭ eblas uzi alian transportfirmaon aŭ alian presiston/enpaĝigiston.
Gerrit Berveling baldaŭ ĉesigos la redaktadon de *Fenikso*. Ni invitas volontulon. Se vi pretas transpreni la respondecon bonvolu turni vin al la sekretario: sekretario@esperanto-nederland.nl
*Horizontaal* emas eldoni duoblan numeron kun *Fenikso*. Konsidere la ekstrajn laborojn kaj la probablajn akirojn, oni decidis nuntempe ne fari tion.

**Novaj rimedoj teknikaj**
Andries vidos ĉu troveblas ia teknika solvo por ke la estraro pli kaj pli virtuale kunsidu.

**Nepagintoj**
Ĝenerala labormetodo por tiu ĉi afero kaj strukturita traktado de tiu problemo: unu fojon jare, en aprilo, Loes rememorigos nepagintojn kaj poste donos liston de nepagintoj al Pieter por telefonado. En la septembra estrarkunveno la situacio estos konsiderata. Ne necesas trakti iujn homojn kiel specialajn kazojn.

**Inviti eksterlandajn** esperantistojn por cirkuli ĉe la kluboj kaj *La Amsterdama Rondo*. Pieter aranĝos se alvenos propono. Se vi havas ideon bonvolu turni vin al la sekretario: sekretario@esperanto-nederland.nl

**Situacio pri Ĝemelaj Urboj** en Nederlando. Stefan MacGill faris novan proponon inventari aktivajn ĝemeliĝojn en Nederlando. Pieter tion faris, kaj la rezulto estis tre magra. Se vin interesas la afero, bonvolu kontakti Pieter: sekretario@esperanto-nederland.nl
La kunsido finiĝis je la 13a horo. La venonta kunsido okazos post la jarkunveno.

**Noto de la redaktoro:** Kiu faros por la Zamenhof-festo la bezonatajn tradukojn el Esperanto al la Nederlanda?

**3] Buĝeto 2017**

| | Ĉiuj sumoj en Eŭro | Realigita 2015 | Buĝeto 2016 | Realigita 2016 | Propono 2017 |
|---|---|---|---|---|---|
| | **Enspezoj** | | | | |
| 1.1.1 | Rentumo | 2 524 | 2 000 | 742 | 600 |
| 2.2.1 | Kotizoj | 6 828 | 6 400 | 6 765 | 6 060 |
| 2.2.2 | Donacoj | 2 126 | 500 | 3 831 | 3 000 |
| | Aliaj enspezoj (i.a komisiaj vendoj) | 116 | 100 | 191 | 100 |
| | **Sumo de la enspezoj** | 11 594 | 9 000 | **11 529** | 9 760 |
| | **Elspezoj** | | | | |
| 1.1.2 | Bankkostoj | 131 | 150 | 196 | 200 |
| 2.1.1 | Estraraj kostoj | 2 743 | 2 750 | 2 133 | 2 500 |
| 2.1.2 | Reprezentado | 431 | 250 | 22 | 100 |
| 2.3 | Membrokunveno | 594 | 750 | 729 | 750 |
| 2.3.1 | Kostoj membroadministrado | 103 | 150 | 217 | 200 |
| 2.4 | Arkivo (IISG) | 1 000 | 1 000 | 1 000 | 1 000 |
| 2.5 | Goslinga-kolekto | 31 | 0 | 0 | 0 |
| 3.3 | Verloren van Themaatpremio | 0 | 250 | 250 | 250 |
| 4.1 | Informado gxenerale | 1 436 | 1 250 | 1 606 | 1 600 |
| 4.1 | informado Drongo | 1 215 | 1 250 | 1 060 | 1 250 |
| 4.2.1 | Instruado ne atendita | 51 | 100 | 0 | 0 |
| 4.2.2 | Katedro UvA - fiksaj kostoj | 4 800 | 5 000 | 5 000 | 5 000 |
| 4.2.3 | Katedro UvA - variaj kostoj | 4 000 | 5 000 | 3 296 | 5 000 |
| 4.2.4 | Studsemajnfino saldo | 654 | 200 | 829 | 600 |
| 4.2.5 | KKPS Saldo | 164 | 200 | 25 | 200 |
| 4.4 | Fenikso | 6 309 | 5 000 | 4 593 | 4 750 |
| 4.5.1 | Retejo Esperanto Nederland | | 70 | 68 | 70 |
| 4.5.2 | Retejo Amsterdama Rondo | | 30 | 0 | 0 |
| 4.5.3 | Facebook ktp | | 25 | 0 | 0 |
| 5.1 | UEA (Aligitaj membroj) | 166 | 200 | 162 | 160 |
| 5.2 | EEU (Kotizoj) | 156 | 200 | 350 | 200 |
| 5.3 | Komitatano-A (UEA) | 413 | 750 | 826 | 1 000 |
| 5.4 | Reprezentanto ĉe EEU | 130 | 100 | 0 | 100 |
| 6.2 | Mabesoone (Regionaj agadoj) | 1 218 | 500 | 508 | 500 |
| 7.1 | Ne-atenditaj aferoj + div. Elspezoj | 85 | 0 | 0 | 0 |
| 7.2 | Subteno aliaj organizoj | 700 | 0 | 0 | 0 |
| | Kostoj antaŭa jaro | | 0 | 200 | 0 |
| | Zamenhof-festo 2017 | 0 | 0 | 0 | 1 500 |
| | **Sumo de la elspezoj** | 26 530 | 25 175 | **23 070** | 26 930 |
| | **Deficito** | 14 936 | 16 175 | **11 541** | 17 170 |

## 4] Memorigilo

*Se vi ne trovis tempon legi la tutan raporton de la estraro, ni memorigas:*
1- La jarkunveno okazos 13/5/2017 en De Kargadoor, Utreĥto. Bonvolu kunporti vian sandviĉon.
2- Detalaj jarraportoj de la kunlaborantaj E-organizoj aperas aparte.
3- Mondonacoj bovenas al la bankkonto NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de Esperanto Nederland te Capelle aan den IJssel.
4- Volontulo por redakti Fenikso-n serĉata!
5- Volontulo por membrar-administrado serĉata!
6- Bonvolu ne forgesi pagi vian kotizon. € 30 (samhejmanoj € 10), NEJ-anoj € 15, (NEJ-samhejmanoj € 5,00).

# EL MIA LETERKESTO

1] **Vandaag de nieuwste Fenikso ontvangen.**

*De goede namen vermelden blijft moeilijk voor jou: je noemt Piet Burg in het stukje 'de via redaktoro', in plaats van Edwin Burg!*

*Ik vind het wel jammer dat je wel de foto 'literatuur in bibliotheek Groningen etc.', maar de tekst niet kon plaatsen. Je kunt nu ook niet zien dat het een artikel uit de vorige eeuw is. Ik vind het zo niet erg geslaagd!*

***Ineke Emmelkamp***

2] *net terug uit Tehran vond ik tussen de post de laatste aflevering van ons clubblad; ik wil je laten weten dat ik aangenaam getroffen werd door de uitvoering en de inhoud, niet in de laatste plaats door de charmante foto van Ineke, Klaus & mijzelve , Groningen.1974!*

*Ontvang je Azia Lanterno uit Korea? Ik krijg die elke maand; stuur Lee Jung Kee 1 ex van Fenikso ter uitwisseling.*

*aldone foton pri mia lasta vizito al Irano. Mi sugestas pli uzi fotojn en Raportaĵoj

sube foto de la E°-grupo en Teheran gvidata de UEA Ĉefdelegito S-ro Ahmad Reza Mamduhi . Mi prelegis en la loka E° oficejo pri Nederlando. Mi tranoktis ĉe E° familioj. Oni alte aprezas kontaktojn. En majo okazos la nacia E° Kongreso de Irana Esperanto Asocio:

info@espero.ir

**Hans Adriaanse**

**Ndlr : volonte fotojn mi uzas, sed malofte ricevas.**

3] Mi bone ricevis poŝte la revuon Fenikso de marto-aprilo 2017 kaj mi plezure legis la spritan poemon de Xu Daorong pri embuskoj. Mi sincere danku E. van Damme por la bona klera traduko. La kolora foto de la internacia infan-kongreseto estas gaja kaj luda.

**Frans Cobben**

4] Okaze de la 100-a morto-datreveno de Ludoviko Zamenhof ni skanis kaj publikigis 19 originalajn korespondaĵojn de Ludoviko Zamenhof. Ili estas libere kaj senpage legeblaj sur la retejo de la Esperantomuzeo kaj de la Kolekto por Planlingvoj.

Leteroj de Ludoviko Zamenhof

https://www.onb.ac.at/eo/biblioth ek/sammlungen/kolekto-por-planlingvoj/digitaj-dokumentoj/arkivajoj/

Laŭpove ni estontece skanos kaj publikigos pluajn malnovajn arkivaĵojn el la Esperantomuzeo en Vieno.

Bernhard Tuider





**Giulio Cappa** (Romo, 1951), itala literaturisto, esperantlingva verkisto.
En **Beletra Almanako** n-ro 27 (oktobro 2016) aperis sub la titolo '**Amfruktoj'**, poemaro de 12 partoj, verkitaj inter majo kaj julio 2016. Ties dua poemo estas prezentita ĉi tie. La teksto havas nur unu interpunkcian signon, la leganto imagu mem pri tio.

| Amfruktoj II | Liefdesvruchten II |
|---|---|
| Amo estas ananaso | Liefde is een ananas |
| kiun formas kvar ŝipetoj | die vier scheepjes vormen |
| kaŝitaj en unuo | verstopt in één geheel /eenheid |
| per akra senrusta ŝtalklingo | met een scherp roestvrij stalen lemmet |
| du fojojn dividu la tuton | verdeel tweemaal het geheel |
| kaj poste per fajna trančilo | en daarna met een fijn mes |
| elĉizu la etajn boatojn | snij *(BEITEL)* de kleine bootjes eruit |
| interne kerno malmola | binnenin: een harde kern |
| malhavas la pulpan dolĉecon | heeft niet de zachtheid van de pulp |
| do nepre ĝin bone deigu | dus verwijder ze goed |
| kvaronon elmetu telere | stal een kwart uit op 'n bord |
| la dikaj folioj ĝin ornamu | de dikke bladeren moeten het versieren |
| ferdeko protektu buŝplenojn | een tussendek bescherme de mondenvol |
| kuŝantajn sur ŝelo testuda | die op het schild van een schildpad liggen |
| kiel avide ni ilin voris | hoe gretig verslonden we ze |
| forgesante pri baldaŭa apartigo ! | niet denkend aan een spoedige scheiding! |
| sed niaj ŝipetoj rapide en unu | maar onze scheepjes zullen vlug in één |
| anason plenan refandiĝos | volledige ananas terug smelten |

---

**LA POEMO**
**Titolo.** **Amfruktoj**.
Jen nekutima vorto. Ĉu temas pri **manĝeblaĵoj** aŭ prefere pri … **amproduktaĵoj**?
**Unuavide**◦ oni pensas verŝajne..*op het eerste gezicht* pri ĉi-lastaj. Ĉu temas pri infanoj? Aŭ ĉu povus temi pri ĉiaj imageblaj ĝuoj de la amo, de la tiom fama, mistera, **miriga**◦ amo. *verbazend* kp france 'les fruits de l'amour'.
Kiel **efikas** tia stranga, nekutima vorto?
Ĝi kompreneble **vekas**◦ la *wekken* **scivolemon**◦ de la leganto. *nieuwsgierigheid*

**Verso 1.** **amo estas ananaso**
Kion pensi pri tia difino de 'amo'?
La komparo kun ananaso certe estas tiom surpriza◦, ke oni ne emas unuavide *verrassend* akcepti ĝin !

**Versoj 2-3.** **kiun formas kvar ŝipetoj kaŝitaj en unuo**
Pri kiuj **ŝipetoj** temas en tia frukto?
Kiam oni dividas ananason dufoje **laŭlonge**◦, oni akiras◦ kvar *in de lengte; verkrijgen* partojn, kiuj iom fantazie, povas ŝajni ŝipetoj.
Kial tiuj partoj estus '**kaŝitaj**' en unuo?
Ili tiom bone formas unu solan frukton, ke oni emus◦ ne distingi apartajn *geneigd zijn* partojn.

**Versoj 4-5.** **per akra senrusta ŝtalklingo du fojojn dividu la tuton**
**akra** = ?
tia, ke ĝia rando estas tranĉa aŭ ĝia pinto pika (PIV).
kp **malakra**: *stomp*

Ĉu oni dividu la tuton transverse aŭ laŭlonge?
Laŭlonge.

**Versoj 6-7.** **kaj poste per fajna tranĉilo elĉizu la etajn boatojn**
**tranĉilo** = ?
ilo kun akra rando por tranĉi (PIV).
Kiucele **elĉizi**◦? *uitbeitelen*
Por akiri apartajn boatojn.

**Versoj 8-9-10.** **interne kerno malmola malhavas la pulpan dolĉecon do nepre ĝin bone deigu**
**mola** = ?
facile cedanta al premo, facile knedebla aŭ fleksebla (PIV).
Ĉu '**malhavas**' esprimas la samon kiel '**ne havas**'?
Certe, sed ĉi tie la ripeto de la silabo '**mal**' bone akcentas ion specialan, nome...?
La foreston◦ de la priparolataj *afwezigheid* aferoj.

**Versoj 11-12.** **kvaronon elmetu telere la dikaj folioj ĝin ornamu**
Kial ne 'tele<u>ren</u>'?
La telero ne estas la celo de la elmetado sed ĝia loko.
Kp. a) metu ion teleren/ kien?
b) <u>el</u>metu ion tele<u>re</u>/ kie?
Kion ni pensu (= kio pensindas) pri la zorgemo◦ de la aŭtoro? *zorgvuldigheid*
Ĝi estas mirinda◦! *wonderlijk*
La komuna manĝado de ananaso estas vera festo.
Per kio oni povas plej bone **ornami** tablon?
Per floroj, bela tablotuko...
**Ornamo**◦ por maljunuloj estas.... grizeco. *versiersel*

**Versoj 13-14. ferdeko protektu buŝplenojn kuŝantajn sur ŝelo testuda**

**ferdeko**: (kp. la germana 'Verdeck')
planko° el ligno°, ŝtalo, fero kaj *vloer; hout*
ceteraj°, etendiĝanta° *en andere; zich uitstrekkend*
de unu flanko al la alia (PIV).
**buŝpleno:** *een mondvol*
kp. ***brakpleno*** *een armvol*; ***manpleno*** *een handvol.*
kp. adjektivo ***plen-plena***: *stampvol*
**Kial tiaj konsiloj?**
Oni do **iel**° volas kovri *op één of andere manier*
la manĝaĵojn.
**ŝelo** *schil, schaal, schors*
Kion oni ĝenerale **senŝeligas**°? *schillen*
terpomojn°, pirojn°, pomojn. *aardappels; peren*
**testuda=** de testudo° *schildpad*
Kial li parolas pri testudo?
La ŝelo de la ananaso memorigas pri testudo
pro la skvamoj°. *schubben*

**Versoj 15-16. kiel avide ni ilin voris forgesante pri baldaŭa apartigo!**

**avide** = ?
forte deziranta … havi, posedi, fari.
Homo estas ĝenerale **avida je** kio?
gloro, posedo, psika aŭ fizika povo...
**vori** = ?
krude° manĝi ŝirante° per la... *ruw; scheuren*
dentoj, kiel bestoj. (kp france *dévorer)*
Kiuj bestoj kutimas avide vori?
Multaj ! Leonoj, tigroj, ursoj, hundoj, lupoj...
Tiaj nomiĝas karno<u>vor</u>uloj°. *vleeseter*
Kp. ĉeval(in)oj, bov(in)oj estas
herbovoruloj°. *graseter*
Kial **'apartigo'** kaj ne 'apartiĝo'?
La finaĵo -igo montras, ke iu aŭ io apartigos ilin.
Kiu aŭ kio povus kaŭzi tion?
Eble la necesa evoluo de ilia vivo.

**Versoj 17-18. sed niaj ŝipetoj rapide en unu ananason plenan refandiĝos**

Kion pensi pri tia deklaro?
Grava promeso !
Ĉu temas pri espero? Aŭ simple pri revo?
Oni povas sin demandi, kial la parolanto estas
tiom certa pri la estonto°? *toekomst*
**fandiĝi** = ?
likviĝi pro varmo (PIV).
La verbon 'fandi' oni retrovas en la franca 'fondre' kaj la nederlanda 'fondue'.
Kion **simbolas** tiuj ŝipetoj?
La amantojn. Ĉiu havas siajn proprajn
farendajn taskojn. Sed post tio ili povas sin
retrovi.

**KONKLUDO PRI LA POEMO**
Jen certe nekutima prezentado de amo kiel ananaso! La du amantoj ĝuas la komunan manĝadon de ananaso. Pro tio ili ne pensas pri baldaŭa apartigo. Pli eĉ, la poeto kredas, ke ili rapide reformos unu tuton, kiel la frukto.

=======

**PLIE PRI IUJ VORTOJ EL LA POEMO**
<u>Zamenhofaĵoj lernindaj pro la vortaro kaj</u>
<u>pro plia informo.</u>
*(AVERTO°: Por stimuli 'aktivan* *waarschuwing*
*legadon', la sekva teksto estas ofte prezentita en partigitaj frazoj, tiamaniere, ke*
*lernemaj° legantoj povas facile* *leergierige*
*testi sian konon).*

**AKRA** (vs 4)
**1) Tro akra fajro estas... sen daŭro.**
Dirinda kiaokaze pri homo?
Pri iu, kiu ekmontras troigan entuziasmon.
**2) Sperto° saĝon ... akrigas.**
*Ervaring verscherpt de wijsheid.*
Alivorte: Sperto estas la plej bona instruisto.
Estas efektive vera, ke **sperto** povas riĉigi nian scion pri la vivo kaj povas pro tio ankaŭ kelkfoje/ofte **riĉigi** nian … saĝ(ec)on.

**APARTIGO** (vs 16)
**1)** La **maro** apartigas **Anglujon** disde la ...
kontinentoj.
**2) Amikeco aparte, ofico… aparte**.
Kial?
Ofico ne estu influata de personaj sentoj.

**AVIDE** (vs 15)
**1) Donu fingron al avidulo, li tutan … manon postulas.**
*Geef een vinger aan een gretig iemand, hij eist de hele hand op.*
Tiaj uloj ... neniam satiĝas (= iĝas
<u>sat</u>aj°). *verzadigd*
**2) Dronanto eĉ herbeton… kaptas avide**.
*Letterlijk: Een drenkeling grijpt gretig zelfs naar een grasprietje. Zich aan een strohalm vastklampen.*
Dirinda pri kia homo?
Pri iu troviĝanta en … malfacila situacio.
Kial **'eĉ** herbeton'?
Kvankam li scias, ke tio ne multe aŭ tute ne
helpos.
**3) Oni prenas avide, oni redonas... malrapide**.
*Men neemt gretig, men geeft langzaam terug.*
Pro kio tio?
Pro la homa **avideco**, la forta deziro **akiri.**
**4) Kiu avidas plej bonan, perdas... plej bezonan.**
*Wie het beste begeert, verliest het meest nodige.*
Do, bona konsilo: kontentigu vin per normalaj deziroj. Kroma demando: kiel difini kio estas normala deziro?
**5) Ju pli oni posedas, des pli... oni avidas.**
Kion pensi pri iu, kiu ne estas <u>avida je</u>...
scio, manĝado, trinkado, mono, gloro, laŭdoj…?
Z. parolas ankaŭ pri la **nobla avideco pri scio**.
Kp sinonimojn: la scivolemo, la sciavido.
**6) Se okulo ne vidas, koro ne … avidas**.
Jen bona konsilo por kiaj situacioj?
Kompreneble, **avido** povas esti stimulata de multaj aliaj aferoj, sed **la vido** facile...
stimulas la cerbon°. *hersenen*

**BALDAŬ** (vs 16)
**1) Kiu tro alten rigardon direktas, tiu tre baldaŭ... okulojn difektas.**
*Wie de blik te hoog richt, die bederft vlug de ogen.*
Alivorte?
Envio° povas kaŭzi damaĝojn°, *afgunst; schade*
ne nur en la okuloj.
**2) De la buŝo ĝis la manoj estas... granda interspaco.**
Kion simbolas la buŝo kaj la manoj?
La buŝo simbolas la parolojn, la manoj la
agojn.
Proverbo dirinda pri kia homo?
pri fanfaronulo°. Li diras multon *opschepper*
sed faras nenion.
**3) El la buŝ' multaj vortoj eliras, sed ne ... ĉiuj ion diras.**
Dirinda pri kia iu?
Pri parolema iu (parolemulo), kiu ofte rakontas
sensencaĵojn.
**4) Inter la mano ĝis la buŝo ofte... disverŝiĝas° la supo.** *lett: zich uiteen gieten*
Figurasence?
Inter unua intenco kaj la rezulto multo...
povas okazi!

**(RE)FANDIĜOS** (vs. 18)
**1) Kiam el la kuirejo venis al mi la bone konataj odoroj, mia animo fandiĝis.**
Kiel klarigi tion?
Z. aprezas° la manĝon, kiu estas *waardeert* preparita por li, aŭ la virinon, kiu faras tion por li... Ni suspektas, ke eble li ne tro kapablas kuiri.
**2) La koro en li fandiĝis.**
Pro la surprizo la **psika ŝoko** estis ege granda.
Kio povus fandi ties koron? Kies koron?
**3) Pli aŭ malpli frue la ideoj de la esperantismo kaj pacifismo kunfandiĝos.**
Ĉu jen imagebla evoluo?
Kiuj faktoj pledas° por tiu ideo? *pleiten*

**PLEN (MALPLEN)** (vs 13)
**1) Malplena sako puŝas/tentas° … al peko°.**
*Een lege zak duwt/verleidt tot zonde.*
Kial?
Tute memkompreneble !!
**2) Nobelo promesojn disdonas, kampulo promesojn plenumas.**
*Een edelman deelt beloftes uit, een boer vervult beloftes.*
Ĉu jen aserto° kredinda aŭ pridubinda? *bewering*
Eble estas jam kontentige, ke ne temas pri
falsaj° promesoj. *loze*

**3) Plena estas la infero° de …** *de hel*
**promesitaj aferoj.**
Dirinda kiam?
Kiam iu estas trompita per falsaj promesoj.
**4) Plena stomako laŭdas la faston.**
*Een volle maag prijst het vasten.*
Kial do?
Oni facile konsilas al aliaj
fortostreĉadon°, kiun oni mem ne faris. *inspanning*
**5) Plendoj° stomakon ne … plenigas.**
*Klachten vullen de maag niet.*
Por certigi, ke la stomako pleniĝu, anstataŭ
plendi oni prefere... agu.
**6) Pli valoras propra ĉemizo ol... fremda plena valizo.**
Pensinda ekzemple kiam?
Vidante iun, kiu emas fanfaroni pri belaj vestoj,
kiujn li eble ne posedas, kiujn li prunteprenis.
**7) Promeso estas larĝa,**
**plenumo° estas ŝarĝo°.** *vervulling; last*
Larĝa ĉi tie signifas sen ĝenoj, sen limoj°. *grenzen*
ŝarĝo =? io peniga, kiun oni trudas° *opdringen*
al si aŭ al aliulo.

**TESTUDA** (vs. 14)
**Bona famo° sin trenas testude, malbona kuras rapide.**
*Goede faam sleept zich als een schildpad, slechte loopt snel.*
Pri kia famo 'oni' prefere informu ĉiujn? Kial?
Homoj emas mencii° de aliuloj malbonan *melden*
famon, eble por averti siajn aŭskultantojn?

**TRANĈILO** (vs.6)
**1) Ne timu tranĉilon, timu... babilon.**
Kian babilon precize? Kies babilon?
Tiu de 'oni..., oni...'. Kalumnii° estas *roddelen*
ofende°. *krenkend*
**2) Mi malfermos al ili la ventron per mia tranĉilo !**
Jen la fonto de Z. en ne tre pacema flanko !
**3) Dek fojojn mezuru, unu fojon detranĉu.**
Alivorte: ofte rigardu, pensu antaŭ ol… agi.
Estu ĉiam singarda° antaŭ ol decidi *voorzichtig*
pri io ajn !
Ĉu ne jen ege strikta, troiga konsilo? Precipe kiam temas pri... neripetebla ago.
**4) El fremda ledo° oni tranĉas … larĝe.** *le(d)er*
Kio subkomprenite?
Se temas pri aliula ledo, oni ... *iemand anders*
El sia propra ledo oni ĉiam tranĉas kiel?
Ege **zorgeme**°! *zorgvuldig*
**5) Tranĉi rekte en la karnon.**
Uzante drastan rimedon.
**6) La lumo tranĉis al ni la okulojn.**
La lumo estis tiom forta, ke ĝi dolorigis.
Kp. tia muziko tranĉas la orelojn.
**7) Ĉiu tajloro havas sian… tranĉmanieron.**
Dirinda kia(o)kaze?
Konstatante … variajn labormanierojn.

-----

*Amuza kromekzerceto: flue retraduki esperanten ĉiujn nederlandajn tradukaĵojn !*

-----

**TRADUKEKZERCOJ.**
<u>**Antaŭa.**</u>
1) Estas granda diferenco, ĉu vi aŭdas insekton en la

dormĉambro aŭ en la ĝardeno. 2) Kiom bele/superbe ĉio en la naturo estas reguligita/ ordigita: tuj kiam infano envenas / eniras en la mondon, ĝi trovas patrinon pretan por ĝin prizorgi (J. Michelet).
3) Ni tiom ŝatas troviĝi/restadi/vivi en la naturo, ĉar tiu ĉi ne havas opinion pri ni (Nietzsche ).
4) La morto estas, inter ĉiuj / ĉiaj vizitantoj, la plej anoncita kaj la malplej atendita / antaŭvidita (Bourget).
5) Plej feliĉa estas tiu, kiu malplej aprezas/ŝatas iĝi tia (G. Bomans).

----

**Nova.**
1) De liefde tot zijn land is ieder aangeboren.
2) Zijn liefdes duurden zelden langer dan een week.
3) Een gezegde bij het aanbieden van excuses: 'met alle liefde'.
4) Is het goed om lief te hebben, en zich te hechten aan het sterfelijke (Faverey)?
5) De liefde kan komen met trouwen.
6) De liefde kan niet van één kant komen. (Alle betrokkenen moeten hun best doen om een vriendschap, een relatie in stand te houden).
7) Van liefde rookt de schoorsteen niet. (Wie trouwen wil moet ook een gezin kunnen onder-houden).

E. Van Damme




Ĵus aperis reeldono de teologia verkaĵo de via redaktoro pri Teologio de Religioj: grava temo en nia nuntempa mondo!



Foto pri s-ro Burg.

## ESPERANTO PUBLIKE

*1] Hierbij zend ik u een Molenwiekje uit het februari-nummer van* De Geestmolen *in Alkmaar.* De Geestmolen *heeft een oplage van 1135 exemplaren.*

*Veel succes met de voorbereidingen.*

*Hartelijke groet,*

Ans Heijstra-Valkering, Heiloo.

Maak kennis met de wereldtaal
ESPERANTO
tijdens het studieweekend van
Esperanto Nederland voor
alle leeftijden op
3 t/m 5 maart 2017
in Stevensbeek, Noord Limburg.
Informatie en aanmelden:
studosemajnfino@esperanto-nederland.nl

## REVUOJ RICEVITAJ

***AEU-bulteno*** okt-dec 2016, nr 16: Sufiĉe multe da raportaĵoj pri kulturaj kaj turismaj kongresaj kaj aliaj E-kunvenoj; ***La Revuo Orienta*** 1138, 1139, jan, feb 2017: Raporto pri 103a Japana E-Kongreso ; Vizito al Norda Koreio; Ionet Onet rakontas kiel Esperanto estas parto de mia vivo; ***Nova Irlanda esperantisto*** 139, mrt-apr 2017: Pluraj novaĵoj el revuo de UEA : pri nova redaktora paro, ekz; ***La KancerKliniko*** 161, jan-mrt 2017: Plurpaĝaj pensoj pri Lanti, de Jean Amouroux, i.a. pri la morto de Lanti; Bona ampleksa artikolo pri sektoj; ***Esperanto*** de UEA, x1310 (2017:2) – vi ĉiuj nepre ĝin jam legis; ***Norvega Esperantisto*** 1/2017: Pli da intereso pri Esperanto en 2017; ***Sennaciulo*** 1337-1338: nov-dec 2016: Kie vivas la plej feliĉaj popoloj?; libroj pri migrado, rifuĝantoj; kamparaj movadoj organiziĝas kontraŭ la agrikultura industrio kaj la Genetike Modifitaj Organismoj; ***Esperanto aktuell*** 2017:1: Zamenhof-Festo en Vieno; Medienecho; ***Kontakto*** 276 (2016 :6) intervjuo kun Amir Hadžiahmetović pri muzikado en Esperanto; Malgranda ekskurso en hipnoterapion; Klára Ertl pri Homrajtaj Herooj; la sama Klára Ertl verkis pri Konferenco de UNITED en Makedonio; ***La Sago (Satamikara Gazeto)*** 114, mrt-apr 2017: Danĝero pendas super la publika instruado.

balenoj mare merkatumu,
urboj grande merkatumu,
infanoj june merkatumu,
kirkoj kriste merkatumu,
rabenoj jude merkatumu!

Frans Cobben,

1] Ek de Marto 2017 ni planas organizi je ĉiu kvara dimanĉo de la monato kunvenon de esperantistoj ĉe IEI, Riouwstraat 172, Hago.
La ideo estas, ke ni havas la eblecon paroli Esperanton. Por faciligi tion, ni en ĉiu kunveno dum almenaŭ du horoj diskutos pri iu Esperanta libro.
La libro-kafejo okazos kun jenaj libroj:

| | |
|---|---|
| Je la 26a de Marto | *Kredu min sinjorino* de *Cezaro Rosetti* |
| Je la 23a de Aprilo | *Bakŝiŝ* de *L. Newell* |
| Je la 28a de Majo | *Urug* de *Hella Haasse* (traduko de P.Buijnsters) |
| Je la 25a de Junio | *Ombro sur interna pejzaĝo* de Spomenka Ŝtimec |

Ĉiu kunveno komenciĝas je la 12a horo.
Koran bonvenon (ankaŭ komencantaj esperantistoj)! Partopreno ne bezonas antaŭan anoncon kaj estas senpaga.

La libro-kafeja teamo:
Paweł (Paŭlo) Kotowski
Saskia Veen
Ed Borsboom (pliaj informoj: tel. 030 2202673)

**2] Pentekoste (2.-5.6.2017) al Freiburg por la Germana Esperanto-kongreso!**

En la verdan urbon en Breisgau, la plej sunriĉa regiono de Germanio. Kun la tradiciriĉa Esperanto-grupo.

**Informoj pri la kongreso**: <https://esperanto.de/eo/enhavo/gea/94a-germana-esperanto-kongreso-2017>

**Aliĝo** ekde nun eblas elektronike sub <https://esperanto-bw.de/pages/de/veranstaltungen/dek-freiburg/ort.php> BAVELO provizore helpas al GEA, ĝis la formularo tie pretas.

Logas riĉa programo kun aparta junularprogramo KEKSO kaj kun EEU-kongreso, infanvartado, sep vizitindaj ekskursoceloj elekteblaj, ĉar Freiburg ankaŭ estas historiplena urbo. Per la kongrestemo «Milito kaj paco kaj la komunikiloj - Ni estas la bonaj.» ni traktas gravan - bedaŭrinde tro aktualan – temon.

Kaj … nia **BAVELO-membrokunsido** okazos dum la kongreso.

**Do klare, venu Frajburgen.**

Bonvenon! **Ursula Niesert**

3] Nia klubo **Paco kaj Justeco** organizas enigman promenadon kun lunĉo kaj belaj premioj la 1-an de julio. vidu http://www.esperanto.be/brugge/

**Heidi Goes**

4] Por ĉeesti la **Seulan UK-o**n ĉi jare estas 3 karavanoj el Eŭropo:

1. D-ro So Gilsu el Koreio organizas trajnkaravanon el Berlino (ekskurso) tra Moskvo (ekskurso), Irkutsko kaj Bajkal lago, Siberio (ekskurso), Ulan Batoro, Mongolio (partpopreni en la nacia festo), Pekino (ekskurso) kaj flugi de Pekino al Seulo. La vojaĝo komencigxos la 2-an de julio en Berlino kaj alvenos la 21-an de julio en Seulo. Origine estis planita trajnvojaĝi tra Norda Koreio kun malgranda ekskurso tie sed per la lastaj politikaj problemoj la organizantoj forstrekis la pasaĝon tra Norda Koreio kaj ni flugos de Ulan Batoro al Seulo.

D-ro So Gilsu i.a. organizis en 2016 karavanon el Seulo al Berlino kaj poste al la UK en Nitro.

2. La Rusaj esperantistoj (Tatjana Loskutova, kiu jam organizis kaj gvidis diversajn karavanojn) organizas trajnkaravanon el Sankt Peterburgo (ekskurso) tra Moskvo (ekskurso), Irkutsko kaj Bajkal-lago (Siberio, ekskurso), Vladivostoko (ekskurso), kaj flugi de Vladivostoko al Seulo. Tiu ĉi karavano komenciĝas la 4-an de julio en Sankt Peterburgo kaj finiĝos la 22-an de julio en Seulo.

3. La francaj esperantistoj organizas flugkaravanon el Parizo, kiu komenciĝas la 15-an de julio en Parizo kaj post ekskurso en Koreio finiĝos la 22-an de julio en Seulo.

Mi partoprenos en la karavano de d-ro Gilsu.

En junio 2010 okaze de la 6-a Azia Kongreso en Ulan Batoro, Mongolio, mi partoprenis en la trajnkaravano de la Rusaj esperantistoj gvidita per Tatjana Loskutova. Alcroĉita estas raporto pri tiu ĉi belega sperto.

Pieter Engwirda





Veel artikels en berichten zijn gedigitaliseerd terug te vinden op de website '*delpher.nl*' -- Toevallig zag ik deze site en zocht op '*Esperanto*'. Ik kwam maar liefst 66.399 vermeldingen in kranten tegen.

Ik begon gewoon wat dingen op te zoeken. Ophouden was toen moeilijk! Ik zocht dus ook maar even op '*Esperanto*' en '*Emmelkamp*'.

Ik vond o.a. twee artikels uit het *Nieuwsblad van het Noorden*, die ik hieronder vermeld!

Er zijn vast nog wel mensen, die zich deze bijeenkomst herinneren.

***Uit het Nieuwsblad van het Noorden, van 14 mei 1973: Jonge Esperantisten weekend bijeen op boerderij in Winsum***

*Tweeëntwintig jonge Esperantisten uit West-Duitsland en Nederland komen volgend weekeinde samen in de boerderij Huize Tilburg aan de Winsumerstraatweg in Winsum. Huize Tilburg behoort aan de ouders van Ineke Emmelkamp, presidente en medeoprichter van de Unuiĝo de Junaj Esperanstistoj en Groningen, wat vertaald heet: de vereniging van jonge Esperantisten.*

*De Duitse deelnemers komen uit Hamburg en Lohne. De bedoeling van deze bijeenkomst is om jonge mensen, die nog niet zo lang met Esperanto bezig zijn, met elkaar in contact te brengen. De onderwerpen, die op Huize Tilburg aan de orde komen zijn: het talenprobleem in de EEG en Esperanto-literatuur. Er wordt ook naar buiten wat propaganda gemaakt voor het Esperantisme. Zo zal men broederlijk informatiefolders over Esperanto in de binnenstad van Groningen uitdelen. Een officieel tintje draagt de bijeenkomst vrijdagmorgen a.s. in de openbare bibliotheek in Groningen, tijdens welke de leeszaal enkele Esperanto-boeken zullen worden aangeboden.*

*Ineke en haar ouders zijn nu druk bezig met de voorbereidingen van dit mini-congres op 18, 19 en 20 mei. De deel van de boerderij zal dienst doen als vergaderruimte en er wordt geslapen in het stro. Om te weten of de gasten haar soep al dan niet goed vinden is mevrouw Emmelkamp voor alle zekerheid ook maar Esperanto gaan leren...*

***Uit het Nieuwsblad van het Noorden, van 21 mei 1973 Literatuur voor esperantisten in bibliotheek van Groningen***

*De Vereniging van Jonge Esperantisten in Groningen kan waarschijnlijk over niet al te lange tijd beschikken over aangepaste literatuur in de Openbare Bibliotheek in Groningen. Directeur J. A. Nuiver zegde een vertegenwoordiging van de vereniging zaterdagmorgen toe, dat onderzocht zal worden, welke mogelijkheden er zijn binnen het budget van de bibliotheek.*

*De vereniging bood de bibliotheek zaterdag twee Esperanto-boeken aan:* La Dolĉa Franclando *en* La Monda Lingvo-Problemo.

*De Vereniging van Jonge Esperantisten hield het afgelopen weekeinde in Winsum een bijeenkomst met buitenlandse Esperantisten. De voorzitter van de vereniging, mejuffrouw Ineke Emmelkamp, vertelt daarover: „De bijeenkomst is een eerste in een serie. Het is de bedoeling, dat jonge mensen, die Esperanto spreken, op deze wijze meer ervaring opdoen met Esperantisten uit het buitenland. Op de bijeenkomst waren een Amerikaan en drie Duitsers". Ongeveer tien Esperantisten uit stad en provincie Groningen maakten van de geboden gelegenheid gebruik.*

*Esperantisten bieden de openbare bibliotheek enkele boeken aan. Van links naar rechts: Hans Adriaanse, Klaus Schubart, directeur Nuiver en Ineke Emmelkamp.*

**Ineke Emmelkamp**


Literatuur voor esperantisten in bibliotheek van Groningen

Avondvierdaagse 18 t/m 21 juni

# Kelkaj mallongigitaj biografietoj de eksterlandaj esperantistoj en Nederlanda Hindio

Heidi Goes[1]

**Josephine Sare Rosine Baerveldt-Haver (23/2/1868, Amsterdam – 20/6/1945, Batavia)**

La adreso de J.S.R. Baerveldt-Haver en Padang (Sumatro) aperis en la Tutmonda Jarlibro Esperantista, enhavanta la adresaron de Dro Zamenhof por 1907. Poste ni ne plu trovis ŝian nomon lige kun Esperanto-agado. Ŝi aktivis por virinaj rajtoj en Nederlanda Hindio kaj en Nederlando: ŝi verkis en revuoj kaj gazetoj kaj aktivis kiel estrarano kaj preleganto de Vereeniging voor Vrouwenkiesrecht, estis membro de la komisiono por la kolonioj de la ekspozicio « De vrouw 1813-1913 » kaj kuniniciatis novan – neŭtralan – unuiĝon por la rajto de virinoj voĉdoni (Neutrale Vereeniging voor Vrouwenkiesrecht) kiam Vereeniging van Vrouwenkiesrecht iĝis tro hezitema. Ŝi ne ĉesis la verkadon kiam ŝi devis reiri al Nederlando en 1912 por revidi la ege malsanan fratinon, kiu fine de tiu jaro forpasis. Ekde 1914 ŝi ankaŭ ekaktivis en la pacmovado. En januaro 1940 ŝi reiris al Nederlanda Hindio, kie ŝi forpasis, 78-jara, en Tjideng, la japana internulejo por virinoj kaj infanoj. Poste oni reentombigis ŝin en Menteng Pulu (Djakarta).

**George Leopold Blot (7/1/1896, Soekaboemi – ?/?/1973, Den Haag?)**

G.L. Blot, filo de franco kaj loka virino en Nederlanda Hindio jam en 1914 iĝis instruisto. La plej frua Esperanto-agado kiujn ni trovis de li datas de 1924, kiam li malfermis kurson en Jogjakarta por katolikaj junuloj. Li estis Delegito de UEA de 1925 ĝis 1932. En 1937 li iĝis membro de la nederlandhindia Ekzamenkomisiono [por Esperanto]. Dum la japana okupado de la lando li pasigis nur kelkajn semajnojn en la japana internulejo. Lia edzino sukcesis konvinki la japanojn ke kvankam li estis laborinta por la nederlandhindia registaro kiel instruisto, li ne estis nederlandano kaj do ne devis esti internigita. La familio sukcese helpis multajn aliajn kiuj fuĝis pro la okupantoj. Post la milito la familio kiel multaj aliaj iris al Nederlando. Blot tie laboris kiel instruisto de matematiko kaj ekaktivis en la eŭropa Esperanto-movado. Li havis Esperanto-amikojn en pluraj landoj, minimume en Italio kaj Francio, kaj iris al la UK en Varsovio (1959). Michèle Segond von Banchet, unu el liaj nepinoj, jardekojn poste ankoraŭ memoras la unuajn liniojn de la kataluna popolkanto La Maristo, kiun li kantis kun ili en la 1950-aj kaj 1960-aj jaroj.

**Frederik Wilhelm Buenting (19/3/1893, Amsterdam – 4/6/1978, Nijverdal)**

F.W. Buenting krom dum kelkaj vizitoj al Nederlando, verŝajne por feritempo, vivis ĉirkaŭ 20 jarojn en Nederlanda Hindio. Li esperantistiĝis en 1932 kaj samjare iĝis provizora sekretario de Orienthinduja Centra Esperanto-Organizo (OCEO), de kiu li estis unu el la iniciatintoj. En 1934 li forlasis la landon kaj post iom da agado en diversaj eŭropaj landoj li eklaboris en 1935 por Esperanto en Bruselo. En 1940 aŭ komence de 1941 li reiris al Nederlando. El leteroj inter IEI kaj respektive Buenting kaj ties frato, ni scias ke post la mondmilito li estis internigita en Nederlando. En la leteroj troveblas nenio pri la kialo de la malliberigo, sed laŭ la lokoj kie li estis internigita (Interneeringskamp Schoorl kaj Bewaringskamp Duin en Bosch en Bakkum) evidentiĝas ke li estis membro de la nederlandaj naciistoj aŭ almenaŭ estis suspektata de kunlaboro kun la germanoj dum la milito. Por ke li povu instrui Esperanton en la internejo li petis materialon de Andreo Cseh de la Internacia Esperanto-Instituto en Hago. En junio 1946 li efektive havis 14 lernantojn inter la kuninternigitoj. En januaro 1947 Buenting rajtis forlasi la malliberejon pli frue por labori volontule en IEI, kiu urĝe bezonis homfortojn. Li ne laboris longe ĉe IEI: en 1948 li jam laboris kiel makleristo.

**G.H. De Heer (??, ?? – ??, ??)**

G.H. De Heer havis japanan patrinon kaj lia patro estis supozeble la nederlanda asistanto-rezidanto Gerrit De Heer. Li komencis sian karieron kiel instruisto, sed poste iĝis interpretisto. En julio 1917 li estis nomumita kiel portempa eŭropa interpretisto por la japana. Ekde junio 1922 li laboris rekte sub la konsilisto por japanaj aferoj. Post ferioj en Nederlando li ekaktivis en la Esperanto-movado: li interalie gvidis radio-kurson en Batavia de julio 1933 ĝis marto 1934. El inter la 5 interpretistoj kiujn la japanaj okupantoj devigis labori por si en Bandoeng, li estis la sola kiun ili retenis. Dum preskaŭ la tuta japana okupado, nome de majo 1942 ĝis la fino de la okupado, li servis kiel interpretisto ĉe la militista sekreta polico de la japana armeo de tiu urbo. La 26-an de julio 1946, jam jaron post la milito, li iĝis ĉefo de la Kantoor voor Japanse Zaken. Tio tamen ne tro longe daŭris, ĉar laŭ anonco en kiu li serĉas tajpistojn, li laboris en majo 1947 por la Departemento de Financoj. La 28-an de junio 1953 li forlasis la landon kaj vojaĝis al Nederlando.

[1] Heidi Goes esploras de junio 2007 en sia libera tempo pri historio de la Esperanto-movado en Nederlanda Hindio kaj Indonezio. Jen estas mallongigitaj fragmentoj pri la biografioj de eksterlandaj esperantistoj en Nederlanda Hindio. Plejparte havas plej verŝajne nederlandan naciecon, eĉ se foje ne (nur) nederlandajn gepatrojn. Sekvos pliaj fragmentoj en sekvaj *Feniksoj*. Ĉi tie ne estas aldonitaj la fontoj, ĉar ili estas pli ampleksaj ol la fragmentoj kaj prenus do tro da spaco. Scivolemuloj povas peti la fontojn ĉe heidi.goes@gmail.com, kie bonvenas informoj pri la personoj listigitaj en la antaŭa Fenikso kaj por kiuj ŝi ankoraŭ serĉas (aldonajn) informojn.

[2] Urbonomoj estas literumitaj tiaj, kiaj ili estis en la koncerna periodo.

# RAPORTAĴOJ

## 1] Studsemajnfino en Nederlando

La pasintan semajnfinon inter la 3a kaj 5a de marto mi partoprenis la studsemajnfinon de nederlandaj esperantistoj.

La aranĝon oni organizas dufoje jare, ĉiam en alia loko en Nederlando, tiel la okazo estas bona ne nur por la praktikado de la lingvo, sed ankaŭ por ekkoni la landon. La studsemajnfinon kelkfoje partoprenas ankaŭ eksterlandaj esperantistoj, kio faras la programon eĉ pli varia kaj malpli krokodila.

La kunveno komenciĝas kutime vendrede vespere kun komuna vespermanĝo kaj interkona vespero, babiladoj, kelkfoje prelegetoj. Sabaton dum la tuta tago, ĝis la 20a horo vespere estas kursoj en diversaj niveloj, kun paŭzaj kaj manĝaj interrompoj kaj noktaj ludoj, programoj. Dimanĉon denove oni kursumas ĝis la 15a aŭ 16a horo, depende de la vetero, kiu kelkfoje por la lasta horo ebligas ankaŭ komunan promenadon.

La loko de la aranĝoj estas ĉiam naturamika konstruaĵo, kun minimuma lukso de loĝĉambroj, sed kun bone ekipitaj komunaj ejoj por manĝi, sociumi kaj kursumi. La partoprenkotizoj estas malaltaj, simple por kovri la loĝ- kaj manĝelspezojn. La organiza teamo kaj la instruistoj laboras volontule.

En marto 2017 en Stevensbeek partoprenis la studsemajnfinon ĉ. 50 personoj, inter ili pli ol deko da tutnovaj esperanto-lernantoj. La disponeblaj dormlokoj eĉ ne sufiĉis, pluraj partoprenantoj devis trovi tranoktejon en la vilaĝo mem. Okazis kursoj je 5 grupoj. La tutkomencantojn enkondukis al Esperanto Françoise Pellegrin el Belgio, en la mezaj niveloj laboris Roel Haveman kaj Arjen-Sjoerd de Vries. Je unu pli alta nivelo oni studis kun Bert de Wit, kaj la grupon de la plej alta nivelo laborigis Katalin Kovats.

Katalin trovis tempon ankaŭ por prelegeti pri movada temo kaj prezentis la kofron de Andreo Cseh, kaj trovis okazon ankaŭ vaste informi pri la KER-ekzamenoj kaj la projekto Ekparolu!, al kiu jam sekvonttage aliĝis pluraj personoj kiel genevoj. Troviĝis ankaŭ nova onklo, kiu jam trapasis ĉiujn testojn kaj atendas sian unuan nevon.

Katalin Kovats

Ankau por Fenikso:

Karaj,

Annemiek kaj mi elkore dankas al Esperanto Nederland kaj la organizintoj pro la sukcesa studsemajnfino.

Ni ĝuis la agrablan etoson kaj ni ambaŭ multe lernis. La semajnfino estis tre bone organizita, kun altkvalitaj lecionoj kaj instruistoj, kun bongustaj manĝoj, kaj kun plaĉa kaj amika etoso.

Multan dankon kaj ĝis la revido.

Amike,
Jean- Jacques kaj Annemiek Wintraecken (Venray)



# VOJAĜRAPORTO



**TRAJNVOJAĜO TRA SIBERIO AL AZIA KONGRESO EN ULANBATORO (MONGOLIO) JUNIO 2010.**

Jam dum la UK en Bjalistoko mi aŭdis pri la 6-a Azia Esperanto-Kongreso en Ulanbatoro, la ĉefurbo de Mongolio. Tiu ĉi ege interesas min. Tra diversaj retmesaĝoj mi eksciis, ke estos karavano organizita per REU (Rusa Esperanto-Unio), eĉ de Moskvo ĝis Ulanbatoro pere de Trans-SiberiaTrajnlinio. Post la unua malagrabla sperto kun la Trans-Siberia trajno iranta al la Jokohama UK en 2007, nun en tiu ĉi vojaĝo mi ne estis sola. La organizanto estis Tatjana, aktiva rusa virino, kiu jam antaŭe organizis karavanojn. Ŝi multe helpis inter alie pri la vizoj: ĉiu partoprenanto ricevis hejme personan invitleteron rete kaj per poŝto de la prezidantoj de la REU kaj de la mongola Esperanto-Societo! Ŝi sendis tre regule interesajn cirkulerajn leterojn pri siaj planoj. El Nederlando estis krom mi ankaŭ Ineke Emmelkamp de *Esperanto Nederland*. Por la vizoj oni devas sendi la paperojn por Mongolio al Bruselo kaj por Rusio al Hago. La mongola vizo venis rapide, sed la rusa konsulejo jam anoncis en sia retpaĝo, ke daŭros tre longe por akiri vizon. Akiri malmultekostan flugbileton estas problemo, ĉar senrevena bileto estas pli multekosta ol irorevena bileto. La aliĝkoston mi pagis al Tatjana en Rusio per mia nederlanda banko en du tagoj!

Ĉiuj partoprenantoj devis veni al Moskvo, kie estis la rendevuo la 7-an de junio. Tatjana persone akceptis la partoprenantojn en la flughaveno, tio estas granda laboro, ĉar Moskvo havas du flughavenojn kaj la partoprenantoj alvenis ĉiuj en malsamaj tagoj kaj horoj... Aparta problemo estis la pasportkontrolo, kiu por Ineke kaj mi daŭris kvar horojn!! De la flughaveno ni vojaĝis per trajno kaj metroo al nia hotelo. La moskvaj metrostacioj estas tre belaj, sed kiom da ŝtuparoj! La 8-an de junio ni kolektiĝis en la halo de la hotelo. La grupo estis kompleta. Finfine ni estis 24 homoj el 7 landoj: 17 el Francio, 2 el Portugalio, 1 el Italio, 1 el Belgio, 2 el Nederlando, 1 el Usono!! La plej aĝa estis 81-jara!

Du plenplenaj tagoj en Moskvo atendis nin. Kun Tatjana kaj Svetlana, esperantistino el Moskvo, ni vizitis la plej gravajn turistajn monumentojn: Kremlino kun siaj belaj preĝejoj, diversaj aliaj belegaj preĝejoj, ŝipveturado sur la moskva fluo, vizito de la tombejo Novobievitchin en kiu estas multaj famaj rusoj, kiel Jeltsin, la edzino de Gorbatchov, famaj artistoj, ktp. Ankaŭ ni ĉeestis ĉe Eugène Onegin, opero deTchaikovski, en la bela teatro Nova Opero. Ni ricevis resumon en Esperanto! Dum nia ekskurso estis interese vidi la moskvanojn: multajn junajn homojn, belajn kaj belevestitajn virinojn kun altaj kalkanumoj. Ankaŭ ni vizitis fotoekspozicion de la ĉarma samideano el Britanio Gabriel Quéré kaj lia edzino en la okazo de la jaro de la franca-rusa amikeco. Ili akompanis nin en la trajno ĝis Irkutsk. Intertempe ni eksciis ke Tatjana estis instruisto ĉe la Militakademio. Tiun ĉi ni devas scii, ĉar ŝi daŭre ordonis: "Rapidu, rapidu! Aŭskultu! Haltu! Ne krokodilu! Enbusiĝu!, ktp. ktp. Ŝi ne akceptis ke speciale la francaj virinoj krokodilis! Tamen en la franca grupo estis escepto: Martine, ĉarma francino el la sudo de Francio, kiu antaŭ ne longe komencis lerni, kiu kvazaŭ neniam krokodilis kun siaj samlandanoj, ĉar ŝi volis kapti maksimume la vojaĝon por plibonigi sian konon de la lingvo.

Al mi okazis malagrabla afero. Kiam ni prenis la moskvan metroon oni ŝtelis mian monujon kun eŭroj, kredit- kaj bankkartoj, rubloj, ktp. Kompreneble mi tuj telefonis al mia banko por bloki miajn bankkartojn. La sekvantan tagon mi ricevis mesaĝon en mia ĉambro ke oni trovis mian monujon en iu metroostacidomo (en mia monujo estis karteto de la hotelo). Tatjana insistis akompani min al tiu stacidomo ("Tiuj ĉi stultaj eŭropanoj!" Ŝi preskaŭ diris). Efektive mi retrovis mian monujon, sed sen la bankkartoj kaj sen mono. Ekde tiu ĉi momento mi havis monoproblemon. Je mia demando Ineke akceptis esti mian banko. Do kiam mi bezonis monon mi konsultis mian personan bankon kaj ŝi retiris de la bankaŭtomatoj rusajn rublojn aŭ mongolan tugrikojn. Hejme mi pagis la prunteprenitan monon en eŭroj al la bankkonto de Ineke.

Je la 10-a de junio fine komenciĝis la trajnvojaĝo de 6300 kilometroj! Je la 13:10-a horo la trajno forlasis la stacidomon. Tatjana aranĝis la lokojn en la kupeoj, ĉiuj kun kvar dormlokoj por viroj kaj virinoj. Mi estis kun Marcel Delforge el Belgio, Remy el Francio kaj Arnold Victor el Usono. La tutan trajnvojaĝon tiu ĉi grupo estis kune en la sama kupeo. Sub la benko estas kesto en kiu oni povas meti kofron. Alia loko por kofroj estis supre, loko kiu fakte estis super la koridoro. En ĉiu vagono laboras du virinoj (provodnitsa = vagonakompanantino) ofte studentoj kiuj volas gajni monon, kiuj laŭvice dum la tago kaj dum la nokto vendas diversajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn, purigas la koridorojn, kaj kiam oni haltas en la stacidomo, malfermas kaj fermas la vagonpordon, kaj fermas la necesejojn duonhoron antaŭ alveno en stacidomo kaj malfermas ilin nur duonhoron post la forlaso de la stacidomo. En ĉiu vagono estas samovaro, ujo kun varmega akvo por mem fari kafon, teon, supon ktp. En la vagono estas skemo de trajnhoraro, do ni scias kiam oni povus uzi la necesejon! Ne estis duŝo, nur akvujo por iom lavi sin! La rusa fervojo en la tuta lando, do inkluzive de Siberio, uzas la moskvan horon por praktika kialo, ĉar estas sep horoj de diferenco inter la plej okcidenta kaj la plej orienta parto de Rusio. En la trajno oni forgesas la diferencon inter nokto kaj tago. La panoramo estis bela, belega. Kelkfoje ebena, alifoje iom da montetoj, kaj vilaĝoj kun bestoj, industrio ĉe la urboj, sed ĉiam kaj ĉie betuloj, miloj da betuloj, riveroj, kampoj kun bovinoj. Mi ne prenis multe da tempo por legi. Ofte ni parolis unu al la alia aŭ en la kupeo, aŭ en la koridoro, aŭ en la restoracia vagono. En la restoracio estis nur ruslingva menuo, sed kun helpo de Tatjana aŭ de Arnoldo, kiu bone parolis la rusan, ni povas mendi niajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn. Plej ofte estis en la restoracio homoj el nia grupo. Por la rusoj verŝajne la prezoj estas tro altaj. Ili preferas aĉeti en la stacidomoj kiam la trajno haltas. En kelkaj stacidomoj la trajno haltis 20 aŭ 45 minutojn, eĉ en la nokto. Sur la kajo venis rusoj por vendi plej diversajn aferojn: kristalajn lampojn, glasojn, sed ankaŭ renburitajn rabbirdojn. Foje unu franco de nia grupo, Nicolas, ludis bekfluton sur la kajo, kio dancigis kelkajn vojaĝantojn. Folklora spektaklo! Feliĉe por mi abundas kukoj, fruktoj, manĝaĵoj, kolbasoj, trinkaĵoj (akvo kaj biero). En mia kupeo mi poste bone manĝis kaj trinkis. La grupo en la trajno estis dividita en du lokoj, iomete pli kaj malpli komfortaj dormlokoj.

Post tri noktoj ni alvenis en Krasnojarsk, 900.000 enloĝantoj, 4104 kilometrojn de Moskvo. La esperantogrupo tie akceptis nin entuziasme. Ni restis unu nokton en hotelo, kaj mi ne povas imagi ke ekzistus pli trista loko en la mondo. La esperantistoj aranĝis agrablan programon: vizito al muzeo, promenado tra la urbo, manĝo en memserva restoracio. Esperantistino mem faris patkukojn (glinoj) kun ruĝa kaviaro. En iu restoracio post la vespermanĝo ni ĝuis internacian vesperon. Francoj kantis kaj dancis folklorajn kantojn, Nicolas ludis sian bekfluton, Ineke kunportis KD-on de Kajto-Lokomotivo, rulu nun! Ni aŭskultis kelkajn kantojn kaj poste Ineke donacis la kompaktdiskon al la klubo. Rusoj gitarludis kaj kantis, mi dancis kiel loko ekbruligita kaŭzita per la atmosfero de la vespero. Estis vere internacia vespero en la profunda Siberio, eĉ antaŭ la komenco de la kongreso!! Grandega sperto! Mi imagis ke Siberio estas dezerta regiono, sed Krasnojarsk estas granda urbo en la mezo de Siberio, kun multaj homoj, kiuj ŝajnas bone vivi kun multaj faciligoj, kun belaj grandaj parkoj, teatroj ktp.

Nova nokto en la trajno sekvis. Frumatene ni alvenis en Irkutsk, kun 600.000 enloĝantoj, 5.184 kilometrojn de Moskvo. Loka esperantisto Konstantin atendis nin. Vojaĝagentejo prizorgis nian restadon en Irkutsk kaj la insuleto Olkhon en la Bajkallago (1500 enloĝantoj). Estas bela lago kun interesa insulo. Nia tranoktejo estis iom primitiva (por viziti la necesejon oni rajtas noktan promenadon!), sed la ĉirkaŭaĵo estis bela. Vespere kun ekstera fajro, homoj faris tradician muzikon kaj kantojn kaj kompreneble vodko! Ni bone varmiĝis (per la fajro aŭ per la vodko?). Ni faris belan tuttagan boatekskurson kun lunĉo sur la Bajkal-lago. Suno, iom da vento. En la lago vivas speciala fiŝo, omul-fiŝo. Ni manĝis ĝin preskaŭ ĉe ĉiu manĝo. En la "ĉefurbo" de la insulo, Khuzhir, ni vizitis interretkafejon kiu estas ankaŭ turist-informejo, (memorigaĵo-)vendejo, ktp. en vera mongola jurto!!

La vojaĝo de Irkutsk al Ulanbatoro daŭris du noktojn. Ĉe la limo de Rusio al Mongolio ni devis entute atendi 9 horojn. Evidente de Irkutsk ĝis Ulanbatoro ni ne estis en la Transmongolia Eksprestrajno! Sed se vi matene vekiĝas kaj malfermas la kurtenojn kaj vi vidas la ebenaĵojn kun jurtoj kun ŝafoj kaj ĉevaloj - tio donas specialan senton: jen estas Mongolio! La 19-an de junio, je la 6:10 horo la trajno alvenis en Ulanbatoro, 6304 kilometrojn de Moskvo. Ĝustatempe, neniu

prokrasto. La rusa fervojo havas famon de akurateco, ni spertis. Eĉ en tiu ĉi frua mateno de la unua tago de la kongreso la prezidanto de la LKK, kun kelkaj samideanoj atendis nin kaj veturigis nin al la kongresejo, la luksa hotelo Ĝingis Khan. En Mongolio ĉiu grava afero rilatas al tiu ĉi fama civitano, inter alie la flughaveno, biero, kvankam li vivis en la 13-a jarcento... Mi iris kvaronhoron piede al mia malluksa hotelo, kaj je la 7:30-a horo mi jam ĝuis bonan duŝon! Tatjana estis feliĉa ke ŝia tasko finiĝis! En tiu ĉi momento ni devis ekkoni la lokan monon. La tugriko ne havas moneron, nur biletojn, kaj mil tugrigoj valoras duonan eŭron, do vi imagas ke ĉiam oni kunportas kaj pagas pakon da (tre uzitaj) biletoj. Terura afero!

Ulanbatoro havas 1,5 milionojn da enloĝantoj kompare al la 3 milionoj en la tuta lando. Mi imagis ke la ĉefurbo de tiu ĉi magia lando Mongolio devus esti tre speciala. Tute ne. Estas ege malbela urbo en sovet-stilo. La piedvojo apenaŭ ekzistas: multaj truoj aŭ piedvojo parte malaperinta. Multaj malnovaj domoj, sed en la centro de la urbo grandaj modernaj konstruaĵoj, ofte oficejoj aŭ (luksaj) vendejoj kaj konstruiĝas multaj novaj, ĉiuj kun grandaj reklampaneloj en la angla. En la centro estas ankaŭ la Parlamentejo, luksa konstruaĵo kun impona statuo de Ĝingis Khan. Tra la evoluo post la disfalo de la sovet-imperio la nombro de aŭtoj, multaj luksaj kaj ĵipotipoj, multe kreskis. Tio ĉi, kun la fakto ke U.B. estas en valo kaj ke la domoj uzas lignovarmilon, kaŭzas ke la polucio en la urbo estas tre serioza: multe da homoj en la strato uzas buŝtukon. Oni vidas multe da neegaleco: bonvestitajn homojn, ekzemple en la hotelo, kaj en la strato multe da malriĉeco!

La 6-a Azia Esperanto-Kongreso okazis de la 19-a ĝis la 23-a de junio. Estis pluraj prelegoj kaj aliaj programeroj. La programo similas al tiu de UK kun Interkona Vespero, Mongola Vespero, Internacia Vespero. Mongola muziko estas tre speciala. Lundo estis nacia vespero, kiu ne okazis en tiu ĉi luksa hotelo en kiu estis la kongresejo, sed ni iris buse al milit-akademio en alia loko en la urbo. Mi unu momenton pensis, ke tiu ĉi estus ligita kun la fakto ke Tatjana estis instruisto en rusa milit-akademio, sed eble ne estas. Estis belega vespero!

Mardon okazis oratora konkurso, la ĵurio ne bone klarigis la regulojn, do ĉiuj tri partoprenantoj ricevis premion! Juna mongola esperantisto, Tuya, ludis pianon. Ŝi profesie ludas, sed bedaŭrinde la piano havis malpli da kvalito. Por la aŭkcio Ineke donacis kompaktdiskon de Kajto. Iu aĉetis ĝin por 35 eŭroj! Post tiu ĉi oratora konkurso oni anoncis, ke infankoruso devas kanti iomete. Mi ne povas priskribi tiun ĉi ege belan vesperon kun kantoj pere de diversaj (infan)korusoj kaj gekantistoj en diversaj belaj tradiciaj kostumoj. Nekredeble laŭ kia maniero la mongolaj kantistoj povas ludi per sia voĉo! Estis dua nacia vespero!!

La franco Pierre kunportis tre bongustan vinon el Francio. Li profesie scias multe pri vinoj. Li invitis kelkajn geamikojn (inkluzive Tatjana kaj RenéeTriolle, UEA-komisiito pri Unesko), kaj ni trinkis bonan francan vinon en la hotelĉambro de Ineke. Agrabla etoso!

La kongresan libron ni ricevis nur lundoposttagmeze. La teksto de iu ministro ne alvenis ĝustatempe. Al mongolaj esperantistoj mankas la sperto por organizi kongreson. Ankaŭ ili ne ofte vojaĝas al eksterlandaj kunvenoj. La temo de la kongreso estas Azia harmoniigo per Esperanto. Al la prezidanto de LKK Ineke donacis kompaktdiskon de Kajto. Miaj donacoj estas tipe nederlandaj poŝtkartoj, nederlandaj Esperanto-poŝtmarkoj, tipe nederlandaj pralinoj. Partoprenis ĉirkaŭ 200 esperantistoj ne nur el Azio, sed ankaŭ el Eŭropo, Aŭstralio, eĉ du homoj el Norda Koreio! La salonoj en la kongresejo havis la nomojn de famaj mongolaj esperantistoj: Khayankhirvaa, Rinchen, Dogsuren, Lee Cho-yeong. La plej granda salono estis kiel ĉiam Zamenhof-salono! Mi aŭdis prelegon pri la mongolaj esperantistoj. Mi partoprenis en duontaga ekskurso kun diversaj interesaj lokoj en Ulanbatoro: la templo Gandan, granda ĉefplaco Sukhbaatar kaj la monteto Zaishan. Estis varmega vetero!

Post la kongreso mi partoprenis en kvintaga ekskurso, sude de Ulanbatoro. La 12 partoprenantoj, inter ili Mireille Grosjean el Svislando, komisiito pri UN, kaj Ineke, Arnold kaj francaj geedzoj de la karavano, ni vojaĝis en aŭtobuseto dum multaj horoj kaj kun tre alta temperaturo, kun mongola ŝoforo, mongola gvidantino kaj japana esperantisto por traduki. La gvidantino eksplikis en la japana lingvo al la tradukisto, kaj li eksplikis al ni en Esperanto. La gvidantino tre interesiĝas pri Esperanto kaj post kvin tagoj ŝi povas paroli iomete. Mi ne scias, ĉu ŝi volas studi kaj praktiki la lingvon. Ni tranoktis en diversaj jurtoj. En ĉiu jurto estas tri/kvar litoj. Jurto estas granda mongola tendo el felto, facile transportebla al alia loko. Niaj manĝejoj, duŝoj kaj necesejoj estis en lignaj konstruaĵoj. Ni vizitis la malnovan ĉefurbon Kharkorum, sablajn dunojn, bordon de rivero, nacian parkon Hustai kun la sovaĝaj Przewalski-ĉevaloj. La vojoj ne ĉiuj estis asfaltitaj. La pejzaĵo estas belega. Tre vastaj ebenaĵoj kun multaj brutaroj de ĉevaloj, kaproj, bovinoj, kameloj! Mi ne povas bone priskribi kial la ebenaĵo estas tiel bela. Vi mem devus iri! Kun multaj servistoj de niaj loĝlokoj, kun diversaj turistoj, eks-usonanoj kiuj loĝas en U.B., ni parolis pri nia lingvo kaj nia movado (en la angla).



En diversaj lokoj en kiuj ni tranoktis okazis koncerto de bela mongola muziko per muzikgrupoj. Mi aĉetis kompaktdiskon! La lastan nokton mi denove trapasis en hotelo en Ulanbatoro, kie mi renkontis denove aliajn karavananojn kiuj partoprenis en aliaj ekskursoj. Multaj esperantistoj iris per la sama flugo de Ulanbatoro al Moskvo (estas nur unu flugo en tago). Nur en Moskvo ni adiaŭis unu la alian! Vespere la 28-an de junio mi revenis hejmen post tiu ĉi nekredebla sperto!!!!

Pieter Engwirda, Nederlando

pieter.engwirda@gmail.com

# NEKROLOGOJ



Johannes Jacobus Beentjes (30 januaro 1941 – 8 februaro 2017)

Jan Beentjes forpasis ”post batalpreta kaj sincera vivo” tekstis sur la mortanonco.
En 2013 ni unuafoje renkontis lin en la Amsterdama Rondo, kien li akompanis Marrie Kardol, nian reprezentanton en Lejdeno, konatan interalie pro sia traduko de ”Ne Tiam, Ne Nun, Neniam” , militromano de Truus Menger. Ligis ilin ne nur lingva intereso, sed ankaŭ muzike kaj socie ili harmoniis. Jan Beentjes en la Lejdena klubeto ekde junio 2013 vigle ekstudis nian lingvon kaj de sia flanko multe klerigis nin dank' al sia vasta orientiĝo. Li helpis fasoni la 'Ekzamenan ekzercaron' de NGGE, sed ankaŭ havigis al suferantoj spiritfirmigan muzikon de germana sanigisto kaj konigis la similcelan Buteyko-metodon. Li ja posedis la rusan lingvon. Pli ol jaron ni povis kunveni en lia hejmo apud la stacidomo Lammenschans. Sed mondsocie plej grava estis lia agado por justeco, kontribue al la fondo kaj subteno al la amikeco-asocio Nederlando-Filipinoj. Ĝia delegacio kun simpatio ĉeestis la kremacion la 14-an de februaro. Ankaŭ ĉi-loke ni kore kondolencas al Marrie Kardol.

Rob Moerbeek.



**Dikky Luesken (1924 – 2017)**

Meritoplena por Nederlanda Grupo de Geinstruistoj Esperantistaj, en marto forpasis nia ekssekretario Dikky Luesken. Dum 12 jaroj ŝi kun konscienca zorgemo plenumis la taskon, kiel pruvas la tiamaj numeroj de la novaĵletero NGGE SCIIGAS. Al ŝi nia kaso dankas grandan faciligon, ĉar pro ŝia perado eblis senpage kunvenadi en la Sprengerborg-lernejo en Apeldoorn. En la loka klubo ŝi zorgis, ke la tri lernantoj de Jan Verheule (longe estrarano de Nosobe, kasisto kaj redaktoro por LIBE, iam prezidanto de FEN), Dolly Vaandrager, Carla v.d. Bos kaj Anneke Schouten-Buijs, povis lerni per konversacia programo kaj kartludoj. Kaj memorindaj estis la kunvenoj en ŝia bela hejmo en Epe. Kiam en la Jarkunveno de 1983 post la dekdujara sekretaria laborado la eksprezidanto de NGGE Piet Uittenbogaard proponis nomumi ŝin Honora Membro, ŝi malakceptis, dirante ke ŝi faris nenion elstaran, nur laŭpove plenumis sian taskon. Kaj ĉion ĉi ŝi faris kiel patrino de ses infanoj.
Bedaŭrinde en la daŭro ŝia irpovo regresis kaj kvankam komence klubanoj volonte ŝin veturigis al la kunvenejo, ankaŭ tion ŝi ne povis daŭrigi. Al UEA ŝi donacis sian riĉan librokolekton, kies transporto kostis iom da penado kaj eluzis rulvalizon.
Ni respekte kondolencis la posteularon en la kremacia solenaĵo, la 22an de marto en Zwolle.

Rob Moerbeek, kun helpo de Anneke Schouten-Buijs.




# ESPERANTO Studieweekend

**Voor wie** Als je nog nooit Esperanto hebt geleerd, of jouw Esperanto is nog niet zo goed als je zou willen, ben je van harte welkom. Er wordt op verschillende niveaus les gegeven. De nadruk ligt op het oefenen van het spreken in Esperanto in kleine groepen.

**Wanneer** Het volgende studieweekend vindt plaats op 13,14 en 15 oktober 2017.

**Waar** Natuurvriendenhuis Krikkenhaar, Krikkenhaar 11, 7627 PA Bornerbroek

De **kosten** voor dit studieweekend bedragen € 75,- pp.(leden van Esperanto Nederland en NEJ € 65,-). In de prijs zijn inbegrepen: lessen, het overige programma, overnachtingen, maaltijden, koffie en thee tussen de lessen.

**Meer informatie** en het aanmeldingsformulier op de website van Esperanto Nederland staan op de website http://esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php



info@esperanto-info.nl

**FENIKSO**

22a jarkolekto, n-ro 3
majo-junio 2017

*Eventueel retouradres:*
Esperanto Nederland
Gerrit Berveling
Van Vredenbuchtweg 435
2284 TA Rijswijk

PostNL
Port betaald
Port payé
Pays-Bas